AŬSTRIA

# ESPERANTO-REVUO

*Oficiala organo de la aŭstria Esperanto-movado*
*Offizielles Organ der österreichischen Esperanto-Bewegung*
*Aperas monate*
*Redakcio kaj administracio: Vieno I., Neutorgasse 9, Aŭstrio. — Telefono U 20-3-51*

*NRO 10-12*
*2-a JARO*
*OKTOBRO-DECEMBRO 1947*

## EL LA ENHAVO:



## LASTA INFORMO:

**Radio-Paris** dissendas Esperantlingvajn paroladojn ĉiutage de la 18[15]—18[30] MET sur mallonga ondo 41,21 m. Auskultu kaj skribu al „Radio-diffusion Française", 118, Champs-Elysées, Paris 8!

*AUSTRIA ESPERANTO-REVUO oficiala organo de Austria Esperantista Federacio kaj de Austria Esperanto-Instituto*

Adreso: Wien I., Neutorgasse 9, Austrio

Abonprezo: Jarabono aŭstr. ŝil. 24.— aŭ egalvaloro.
Por membroj de AEF senpage.

# Korespondado

Kiu volas korespondi kun en- aŭ eksterlandaj geesperantistoj sendu sian korespondpeton al la redakcio de AER. Ni publikigos ĝin laŭ la disponebla loko.

Unua korespondanonceto dulinia por AEF-anoj senpage. Plua anonceto kaj por aliaj personoj kostas ŝil. 4.—, por eksterlandanoj 4 int. respondkuponojn. Ni petas skribu la adresojn nepre bone legeble!

Mallongigoj: L = letero; PK = poŝtkarto; PM = poŝtmarko.

**Aŭstrio.** — F-ino Hilde Schreiber, Wien XIX., Schegargasse 8/18 (iama adreso: Baĉka-Palanka, Jugoslavujo) petas siajn amikojn el Novi-Sad, jugoslavujo, ke ili baldaŭ skribu.

Siegwald Kindler, 13-jara lernanto, Knittelfeld, Stubalpenstraße 33, Steiermark. dez. korespondi kun eksterl. gelernantoj.

La partoprenantoj de la E-kurso en Popola Altlernejo (komencantoj) deziras korespondi kun E-kursanoj eksterlandaj. Adreso: Volksbildungshaus, Esperantokurs, Wien V., Stöbergasse 11—15..

S-ro Karl Koller, Gmünd 2, N.-Ö., komencanto, dez. kor. kun seriozaj filatelistoj per PK kaj L tra la tuta mondo. Skribas ankaŭ angle.

S-ro Roland Werner, Wien IV., Rainergasse 29/8, dez. kor. per PK kaj L kun ĉiuj landoj.

**Bulgarujo.** —S-ro Georgi Petkov Lazarov, strato Fotinov 40, Burgas, kor. kun ĉ. l. precipe kun aŭstrianoj. — La samon deziras s-ro Panajot Ivanov, Vojniska 18, Burgas. — S-ro Nikola Nejcev, P. Eftimi 64, Burgas. — Petr Valkov, Ivajlo 68a, Burgas.

**Francujo.** — S-ro Roger Milon, 24 j. urboficisto, 20 Rue Diderot, Brive La Gaillarde, Corrèze, dez. kor. kun aŭstria s-ano.

Junaj kaj maljunaj E-istoj dez. kor. pri ĉ. temoj kun ĉ. l. Adreso: Lois Marque, 68 Rue de Gare, Desvries, Pas de Calais.

## PLIBONAN NOVJARON

ni deziras al ĉiuj AEF-anoj, ĉiuj funkciuloj kaj kunlaborantoj de la aŭstria Esperanto-movado, al niaj multaj geamikoj en la en- kaj eksterlando kaj afable petas ilin pri nova aktiva kunlaborado en 1948!

Redakcio de Aŭstria Esperanto-Revuo — Estraro de Aŭstria Esp-ista Federacio

Aŭstria Esperanto-Instituto

AŬSTRIA
ESPERANTO-REVUO

2-a jaro OKTOBRO / DECEMBRO 1947 n-ro 10—12

# Kufstein — simbolo de uneco

De la 17a ĝis la 19a de Oktobro 1947 la unua postmilita aŭstria Esperanto-kongreso okazis en la bela Tirola urbeto Kufstein. Pri ĝiaj detaloj kaj rezultoj ni reportas aliloke. Nur jena konstato estu tuj farita: La kongreso estis bela kaj ĉiurilate kontentiga.

La Aŭstria Esperantista Federacio kaj la Aŭstria Societo de la amikoj al Esperanto, kies ĝeneralaj kunvenoj konsistigis la ĉefan programon de la kongreso, estas superpartiaj organizaĵoj, kiuj ampleksas membrojn kaj grupojn de diversaj politikaj kaj religiaj pensdirektoj. Sed unu komuna ideo gvidas ilin ĉiujn: la Interna ideo de Esperanto, la esperantismo, kiu signifas la interkompreniĝon kaj interfratiĝon de la popoloj.

Okaze de debato pri la sinteno de la aŭstria delegitaro ĉe la 32a universala kongreso en Bern (vidu la raporton pĝ. 148, 150) kaj pri proponita rezolucio koncerne la kunlaboron de la aŭstriaj esperantistoj en la „Balkana Kontaktkomitato", pliampleksigota al „Danubvala Kontaktkomitato", montriĝis unue la diferencoj de la politikaj mondkonceptoj inter okcidento kaj oriento. Multaj esperantismaj samideanoj timis, ke la voĉdono de Aŭstrio por la kontraŭfaŝisma rezolucio de la jugoslava reprezentanto d-ro Lapenna (fine malakceptita de la Berna kongreso) kaj la proponita aliĝo de AEF al la Balkana aŭ Danublanda Kontaktkomitato signifus akcepton, rekonon aŭ almenaŭ alproksimiĝon al la politikaj ideoj de la orienteŭropaj landoj, kaj tial ili malinkliniĝis konsenti la proponitan rezolucion. Tamen, baldaŭ troviĝis voĉoj pozitivaj, kiuj pripensigis, ke nenionfarado kaj sindeteno ne povas helpi eviti la danĝeron de kontinenta kataklismo, ke pli vere ni estas devigitaj, atente observi per persona kontakto la evoluon de la Esperantomovado en niaj najbaraj landoj kaj ke ni ne prefere timu esti kontraŭvole influataj, sed aspiru mem influi la evoluon de la internacia Esperantomovado laŭ niaj propraj konsciaj konceptoj.

Kaj tiu ĉi aŭstria koncepto, nova en la historio de la parlamentismo kaj en la historio de nia Esperantomovado, estas la aktiva supertendenceco. Ĝi ne volas en timema neŭtraleco eviti ĉiujn

incitajn problemojn de politikaj aŭ religiaj konceptoj, kiuj nuntempe dividas la popolojn en malamikajn „partiojn"; sed ĝi volas lasi libere agadi la anarojn de ĉiuj tendencoj kaj en kuraĝa supereco tamen unuigi ilin ĉiujn en unueca organizo por la komunaj taskoj de nia movado, antaŭ ĉio por la enkonduko de Esperanto en la lernejojn.

La debato en la ĝenerala kunveno de AEF en Kufstein estis tre interesa kaj montris ĉiujn diferencajn opiniojn, kiuj nuntempe agitas la homojn. Sed la tuta debato okazis en vere demokrata kaj deca maniero, sen ekscitiĝoj kaj ofendoj; la dubantoj lasis konvinki sin kaj fine fide cedis al la pozitiva kredo de la plimulto, ĉar ĉiuj celis unu saman idealon, la venkon de Esperanto por la interpacigo de la popoloj. La fina deziro de la cedanta malplimulto, ke la plimulto konsideru ankaŭ ilian vidpunkton, estas memkompreneble plenumota; ĉar vera demokratio ne signifas senkompromisan venkon de la plimulto super la malplimulto, sed justan konsideron de ĉiuj direktoj.

La tuta debato montris refoje, ke la gvida principo de AEF estas ĝusta kaj bone efektivigebla. Nur unu kondiĉo estas rekoninda, por ke povu prosperi la supertendenca organizaĵo: Necesas, ke ĉiuj frakcioj laboru l o j a l e en siaj kampoj, varbante por E s p e r a n t o kaj ĝia pozitiva apliko inter siaj anaroj; sed n e n i a m a t a k u a l i a j n g r u p o j n pro tio, ke ili preferas uzi Esperanton por aliaj celoj. Je tiu ĉi kondiĉo la multflanka aplikado de Esperanto al diversaj, malsamaj aŭ eĉ kontraŭaj ideoj povas nur utili al la diskreskigo de nia movado kaj samtempe akceli la ĝuste nun tiel necesan aspiradon al la esenca celo de la Esperantismo: al la universala, pura h o m e c o.

E. W.

# La Austria Esperanto-Kongreso en Kufstein (17. — 19. 10. 1947)

La 16. 10. 1947 envagoniĝis aro da Vienanoj kaj Burgenlandanoj en la okcidenta stacidomo de Vieno. Estis belega varma tago kaj la esperantlingva babilado igis aŭskulti la aliajn pasaĝerojn. „Jes, estas la Esperantistoj, kiuj tamen kongresos", ni aŭdis diri. Malgraŭ tio, ke la kongreso en Aŭgusto tiel bone preparita de la LKK en Kufstein (tiam 700 anoncoj!), pro la danĝero de epidemia infektiĝo per la poliomielito (spina infana paralizo) estis malpermesita de la landa registaro de Tirol, ĝi tamen okazos en Oktobro en la bela Kufstein kun 300 partoprenantoj el ĉiuj federaciaj landoj de Aŭstrio. La nombro de la kongresantoj ne plu povis esti tiel granda kiel en Aŭgusto, ĉar multaj ne plu disponis pri ferioj kaj la veturprezo sur la fervojo dume estis plialtigita je 120%. En Linz aliĝis 15 Linz-anoj bonvenigataj kun

granda ĝojo. Malnovaj amikoj skuis reciproke la manojn kaj iamaj okazintaĵoj rememore estis rakontataj.

En la flagornamita Kufstein salutis nin la du senlacaj estroj de la LKK, d-ro Huber kaj landestro de AEF en Tirol Hans Steiner. Bonorde ĉiu ricevis en la grupejo matenmanĝon kaj la loĝejadreson.

La 17. 10. jam je la 11-a h. ni renkontiĝis por komune viziti la orgenkoncerton en la kastelo Kufstein. La ludanto kaj aŭskultantoj sidis proksimume 80 m malsupre de la orgeno. La orgeno estas instalita en granda, ronda turo sur monteto ĉirkaŭita de la urbo. La turo regas la tutan regionon.

Direktoro F. B. Kirchmaier bonege majstras la orgenludon. Sub la ĉielo sidas la aŭskultantoj kaj senspire aŭskultas. Laŭte eksonas la orgeno, kriegante kiel la furioziĝinta milito. Iom post iom la sonoj mallaŭtiĝintaj kvazaŭ karese proponas al la homaro pripensi la grandegajn domaĝojn kaj la egajn viktimojn, kaj ke ĝi klopodu interpaciĝi. Sed nun tondre reaŭdiĝas ĝis malproksime en la lando la orgeno, pli forte ol antaŭe kaj ĝi poste ŝajnas plori pro la malprudento de la ĉiam batalemaj homoj. Ĉu nun ne Esperante parolas la orgeno? Ĉu ĝi ne atentigas, ke nur vera interkompreno kaj reciproka amo per la unusola lingvo Esperanto povas helpi certigi la pacon? Jen, post kelkaj belege sonantaj operfragmentoj la himno, n i a himno eksonas el la turo, ruliĝas tra la valoj for en la landon. Tio estis unu el la neforgeseblaj travivaĵoj en Kufstein! „Ĝis la bela sonĝo de l'homaro por eterna ben' efektiviĝos!" — kvazaŭ estis ĵuro de la gekantantoj.

Je la 14-a h. okazis la fakkunsido de la Laborista Frakcio de AEF, kiun partoprenis ankaŭ la socialista eksministro d-ro H. Frenzel. Je la 16-a h. okazis la fakkunsidoj de la Esperantistaj „Naturamikoj" kaj Katolika Frakcio de AEF.

La salutvesperon partoprenis inter alie eksministro d-ro Frenzel, urbestro de Kufstein s-ro Sappl kaj kortega konsilanto Hugo Steiner, kiu transdonis al la kongreso la bondezirojn de la ŝtata kanceliero d-ro inĝ. L. Figl kaj de la registaro.

D-ro Frenzel esperantlingve salutis la kongreson kaj lia parolado finiĝis jene: „Aŭstrio nur estas lando malgranda, sed ĉiam ĝi estis la interliganta ponto inter la sudo kaj nordo, inter la oriento kaj okcidento. Ni aŭstriaj Esperantistoj promesas kunhelpi, ke baldaŭ ĉiuj popoloj povu uzi la ponton, por ke la paco inter ili fariĝu daŭra — per Esperanto!"

Venis salutleteroj el 19 ŝtatoj kaj multaj telegramoj kaj leteroj de gesamideanoj el Aŭstrio.

Beligis la vesperon s-ro Hermann Strele el Kufstein per belaj kantoj, d-ro Karner el Innsbruck per deklamado de la poemo „La mondpaco" de d-ro Pabisch kaj s-anino el Landeck, kiu recitis la

poemon „Gepatra lingvo kaj Esperanto". Internacian karakteron la kunveno ricevis per dancoj en hungara nacia kostumo kaj kantoj hungaraj kaj kroataj, prezentitaj de niaj ges-anoj el Burgenland.

Sabate la 18. 10. jam je la 8-a matene la kongreso eklaboris. Prezidanto direktoro Paul Glüxmann raportis pri la agado kaj celoj de la Aŭstria Esperantista Federacio. En sia raporto li ankaŭ akcentis, ke kvar zonoj de la aliancaj administracioj, monproblemo aŭstria, malsato kaj mizero ankoraŭ regas malgraŭ tio, ke pasis jam preskaŭ 3 jaroj depost la liberigo de Aŭstrio per la aliancanoj. La estonta celo de la aŭstria Esperanto-movado devas esti, kune kun la Esperanto-organizoj de la najbaraj ŝtatoj klopodi, ke Esperanto estu en ne tro fora tempo enkondukata en la lernejojn kaj uzata kiel interliga lingvo inter tiuj ŝtatoj. Li proponas al la kongreso kelkajn rezoluciojn de la AEF-estraro kaj petas ilin akcepti. (La rezoluciojn legu fine de la raporto!)

Post vigla debato, dum kiu parolis d-ro Halbedl (Knittelfeld), K. Dürrschmid (Klagenfurt), W. Mudrak (Wien), E. Vokal (Wien) kaj aliaj, la kongreso post klarigoj de la prezidanto Glüxmann konsentis kaj akceptis la rezoluciojn kaj esprimis la esperon, ke el la proponita Esperantista Danublanda Agad-Komitato baldaŭ fariĝu Eŭropa Agad-Komitato.

Poste s-ano R. Cech raportis pri la Esperanto-Servo de AEF, s-ano E. Werner pri la Esperanto-Instituto kaj redaktoro A. Berdan (skribe) pri la redakta komitato de la Aŭstria Esperanto-Revuo, kiu nuntempe estas la plej granda zorgo de AEF. Unu eldonnumero de la Revuo kostas nun ĉirkaŭ ŝil. 2000.—, do preskaŭ trionon de la jarkotizo por AEF kaj cetere papero apenaŭ estas havebla. Sub tiuj malfavoraj kondiĉoj la Revuo nur povas esti eldonata kvaronjare ĝis la cirkonstancoj repliboniĝos.

Nun raportis la landestroj de AEF, la fakgrupestroj, la kasisto kaj la kontrolanto. Pri enspezoj kaj elspezoj, pri kreskado de la membraro la raportoj okazis tro malrapide por multaj senpacienculoj. Fine la kunveno devis esti interrompata, ĉar ĝi daŭris jam kvar horojn. Post la tagmanĝo okazis la novelektoj de la centra estraro de AEF (vidu la estrarliston aliloke!). El la detala kasraporto de la kasisto ni povas publikigi nur koncizan ekstrakton pro manko de loko:

| Enspezoj: | |
|---|---|
| Saldo de 1. 7. 1946 | 1.456.97 |
| Kotizoj | 5.637.85 |
| Subvencioj | 2.000.— |
| Honorario por radiokurso kaj paroladoj | 3 670.— |
| Donacoj kaj diversaj enspezoj | 1.768.41 |
| Ŝil. | 14.533.23 |

| Elspezoj: | |
|---|---|
| Kostoj de la Aŭstria E-Revuo | 5.021.94 |
| Luo, salajroj kaj instalaĵoj | 4.465.48 |
| Varbafiŝoj | 992.56 |
| Generalaj elspezoj kaj poŝtafrankoj | 3.161.48 |
| Saldo transporta | 891.77 |
| Ŝil. | 14.533.23 |

Prezidanto Glüxmann kun bedaŭro konstatis, ke la AEF-kotizo fiksita en 1945 jam delonge ne plu kovras le plej necesajn elspezojn de la organizo. Pro tio la Vienaj geesperantistoj decidis postpagi por la monatoj Sept.—Dec. ŝil. 4.—. La centra estraro estas devigita proponi, ke la jarkunveno fiksu la monatan kotizon je du afrankoj de letero al eksterlando, t. e. nuntempe pomonate ŝil. 2.—. La proponita plialtigo de la kotizo sendebate estis decidata.

Kelkaj laŭtagordaj paroladoj ne povis okazi pro manko de tempo.

En sia finparolado prezidanto Glüxmann dankis nome de AEF al la LKK de Kufstein pro la vere modela kongresaranĝo kaj diris: „La cirkonstancoj en Aŭstrio nun estas malbonaj, sed nian plej belan celon, antaŭ ĉio kunhelpi per Esperanto pacigi la mezeŭropajn landojn, ni tamen esperas baldaŭ atingi. Vivu la popolojn interliganta Esperanto!"

Je la 16-a h. okazis la jarkunveno de la Aŭstria Societo de la Amikoj al Esperanto, en kiu prezidis s-ano R. Cech (Wien). Denove raportoj kaj novelekto, ree unu post la alia el la federaciaj landoj leviĝis kaj raportis pri la malfacila laboro, ĉar la estantaj malbonaj cirkonstancoj ĉion malhelpas aŭ pli malfaciligas. Sed por kuraĝuloj ne devas ekzisti malhelpoj, ili plulaboras, plusemas, ĉar post ne longa tempo devos ekkreski la rikoltaĵo el ilia agado.

Lasta vespero. Estis aranĝita amuza festo. Muziko, dueto de du gitarkantistoj, kiuj ankaŭ en la radio estas famkonataj; burleskuloj kaj komikistoj el la vicoj de samideanoj en salonego de la hotelo „Poŝto". En alia salonego oni dancadis. Tiom da homoj ĉi tie interpremiĝis, ke la aranĝkomitato devis malpermesi pluan vendadon de enirbiletoj. Estis jam matene, kiam la lastaj el la partoprenantoj enlitiĝis.

19. 10. 1947. Dimanĉo. Fariĝis malvarmege. Nebuloj kuŝis en la valo. La montoj estis neĝkovritaj, la domtegmentoj tegitaj de prujno briletis kvazaŭ ili estus arĝentaj. Vintro venis en la montegaran regionon. Je la 8-a h. matene komenciĝis la Di-servo. Predikis Esperantlingve pastro s-ano Kaps el Salzburg. Je la 10-a h. estis varbkunveno, en kiu s-ano Vokal parolis pri vojaĝoj eksterlanden, pri la facila lernebleco kaj pri la paca ideo de Esperanto, la paco, kiun la mondo tiel urĝe bezonas nuntempe kaj kiun ni povus atingi, se la popoloj atentus la konsilojn de nia amata majstro d-ro Zamenhof.

Post la kunveno nin elirintojn salutis la flirtantaj flagoj en la sunbrilo. Nur nun ni bone povis rigardi la belegajn urbon kaj ĉirkaŭĵon. Posttagmeze 75 ges-anoj supreniris la monton ĝis la „Pfandlhof", de kie estas videbla la neĝkovrita montego „Wilder Kaiser" („sovaĝa imperiestro"). Ĉu ni ne estis en feina regno? Blankaj neĝo kaj rokmuroj, verdaj pinglarboj, flavaj, ruĝaj, brunaj foliarboj kaj blua ĉielo, ĉio trempita en ora sunlumo, ĉio tio donis pentraĵon tiel

belan kaj multkoloran, ke eĉ pentrista fakulo dirus, ĝi kvazaŭ estas nenature tropentrita.

Ĉi tie en la altaj regionoj la kongreso oficiale finiĝis. El ĉiu federacia lando parolis s-ano kaj resume dankis al la LKK pro ĝiaj penadoj kaj bonega aranĝado de la kongreso.

„Ni persiste plulaboros por la interfratiĝo kaj paco en la mondo", tio estis la lasta decido antaŭ la adiaŭo. Kaj kiel unua paŝo tiudirekte centoj da kongresaj poŝtkartoj flugis al geamikoj ĉien en la mondon, stampitaj per aparta oficiala poŝta kongres-stampilo kun la parta Esperantoteksto: „Per Esperanto al la paco!"

Ankaŭ ni ree devis hejmenveturi, sed en nia memoro plu restos la ĝojiga okazintaĵo kaj la kora konfeso: Estis belege en Kufstein!

G. L.

## Rezolucio pri la kreado de Esperantista Danublanda Agad-Komitato (EDAK)

La Aŭstria Esperanto-Kongreso 1947 en Kufstein aprobas la sintenon de la aŭstria delegitaro ĉe la Universala Esperanto-Kongreso 1947 en Bern kaj decidas:

1. La aŭstriaj Esperantistoj kolektiĝintaj dum la Aŭstria Esperanto-Kongreso kiel reprezentantoj de la tutaŭstria Esperantistaro, konsiderante, ke nur la demokratio garantias la sendependecon kaj liberecon precipe de la malgrandaj nacioj, malaprobas ĉiujn formojn de la naciismo kaj faŝismo.

Ili alvokas la aŭstriajn Esperantistojn kaj Esperantounuiĝojn al aktiva subteno de la demokrataj kaj pacemaj tendencoj.

2. Konsiderante, ke precipe la malgrandaj nacioj bezonas Esperanton kaj ke la specialaj cirkonstancoj en tiaj landoj postulas specialajn laborojn, ili aprobas la fondon de la Balkana Kontakt-Komitato (BKK) de la Esperantistaj organizoj en la danubvalaj landoj kaj kun danko akceptas la inviton de BKK al aktiva kunlaboro. La Aŭstria Esperanto-Kongreso esprimas la deziron, ke ankaŭ la Esperanto-societoj de la ceteraj eŭropaj malgrandaj ŝtatoj estu invitataj al kunlaborado.

3. Kaŭze de tiu ĉi aliĝo de Aŭstria Esperantista Federacio al BKK la Kongreso proponas, ke la organiza formo de BKK estu plivastigata je Esperantista Danublanda Agad-Komitato (EDAK).

4. La Kongreso proponas, ke la unua komuna konferenco de EDAK okazu pentekoste 1948 en Budapest.

Al la membraro de ĉiuj al la BKK aliĝintaj landaj Esperanto-organizoj la Aŭstria Esperanto-Kongreso 1947 sendas fratajn salutojn kaj esperas, ke la estonta komuna laboro por Esperanto estu sukcesplena!

**Rezolucio pri okazigo de Aŭstria Porpaca Semajno 1948**

(Traduko de la originala teksto germanlingva)

**Al la Laborkomunumo pri Porpaca Edukado**

Wien VIII., Schönborngasse 1/11

Konsiderante, ke opaj paroladoj pri la problemo de la mondpaco havas nur malgravan efikon, ĉar ili estas vizitataj ĝenerale nur de tiuj, kiuj sintenas pozitive al la pacideo, dum la grandaj amasoj de la indiferentuloj ne povas esti gajnataj, aliflanke la paroladoj nur apelacias al la spirito, sed ne konsideras la neprikalkuleblajn flankojn de la homa animo, la Aŭstria Esperanto-Kongreso okazanta en Kufstein de la 17.—19. 10. 1947 proponas al la Laborkomunumo pri Porpaca Edukado en Wien la okazigon de

**Aŭstria Porpaca Semajno 1948.**

En ĉi tiu porpaca semajno oni devus kunigi ĉiujn energiojn servantajn al la pacideo, por efike inspiradi la aŭstrian popolon.

Ĉiuj gazetoj kaj periodaj ĵurnaloj devus dum tiu ĉi semajno per fruntartikoloj pritrakti la pacdemandon laŭ sia vidpunkto kaj publikigi pacalvokon verkitan de la Laborkomunumo pri Porpaca Edukado.

En la lernejoj ĉiugradaj devus esti pritraktata la pacproblemo en ĉiuj por tio taŭgaj fakoj laŭ plano ellaborita de la instruistaro kaj lernejaj aŭtoritatoj.

La Popolaj Altlernejoj kaj similaj klerigaj institutoj devus samtempe envicigi la pacdemandon en siajn instruplanojn. Ĉiuj kulturorganizoj devus konforme al siaj specialaj taskoj pritrakti la pacideon dum membrokunvenoj.

Ĉi tiu pacsemajno devus finiĝi en Dimanĉo por la Paco, dum kiu en la preĝejoj de ĉiuj konfesioj devus esti predikata de la pastroj pri kaj esti preĝata por la paco.

La politikaj partioj ĉiutendencaj devus esti petataj, ke ili je tiu ĉi dimanĉo per potencaj manifestacioj demonstraciu por la paco.

La jaro 1948 kiel memorjaro 300 jarojn post la finiĝo de la 30-jara milito (1618—1648) per la packontrakto de Münster kaj Osnabrück, precipe bone taŭgus por tia paccela okazigo.

**Rezolucio pri la membreco de AEF ĉe UEA**

La Aŭstria Esperanto-Kongreso 1947 en Kufstein komisias la centran estraron de Aŭstria Esperantista Federacio, ke ĝi post klariĝo de la financaj cirkonstancoj, respektive de la aŭstria valuto entreprenu ĉiujn konvenajn paŝojn por akiri la membrecon de AEF kiel Landa Organizo de Universala Esperanto-Asocio — UEA.

## Dankon al la L. K. K. en Kufstein

En la centra estrarkunsido de AEF la 29. 10. 1947 raportis prezidanto Paul Glüxmann pri la Esperanto-Kongreso en Kufstein kaj laŭdis ĝian bonegan aranĝon per la Loka Kongresa Komitato. Li proponis, ke la centra estraro pro tio esprimu al la LKK en Kufstein sub la lerta gvidado de la s-anoj d-ro Huber kaj Hans Steiner pro ĝiaj laboroj kaj penadoj pri la bona sukceso de la Kongreso la plej koran dankon nome de la tutorganizo.

La propono kun aplaŭdo estas unuanime akceptita de la estraro.

## La novelektita estraro de AEF

Pezidantoj: direktoro Paul Glüxmann; d-ro Leopold Grimme; sekcia konsilisto d-ro Maximilian Führing; d-ro Alfons Huber (Kufstein).

Sekretariino: Maria Loibel.

Protokolantoj: Maria Zajicek; Gustav Loibel.

Kasistoj: Leopold Steinbach; Franz Schober.

Reprezentantoj: Raimund Cech (UEA); Ludwig Sager (Laborista Frakcio); Walter Mudrak (Katolika Frakcio); Josef Zink (Fervojistoj); Hugo Braun (tramistoj); Robert Klausberger (poŝtistoj); d-ro Josef Görlich (Amikoj al Esperanto); Max Finkenzeller (Esperantistaj „Naturamikoj").

Instruado: direktoro Franz Menacher; Karl Robert Frühmann; Hugo Kraus; d-ro Karner (Innsbruck); direktoro F. Watzinger (Villach).

Propagando: Gabriel Katzianka; Emil Vokal; Friedrich Ebner.

Redakta komitato: Alfred Berdan; d-ro E. Görlich; Hans Steiner (Kufstein); Karl Dürrschmid (Klagenfurt).

Aranĝ-komitato: Rudolf Bouché; Lorenz Bartek; Hermine Zöchling; Oskar Kovacic.

Kontrolantoj: Franz Haagen; Rupert König; Karl Nigl (Linz); Franz Baumgartinger (Salzburg).

Arbitraciantoj: Franz Polzer; Karl Magenbauer; Franz Handler; Norbert Bartoschek (Graz); d-ro Adolf Halbedl (Knittelfeld).

## A. E. R. provizore aperos nur kvaronjare

Kiam ni aŭstriaj Esperantistoj rekonstruis AEF-on en Julio 1945 kaj eldonis la unuan modestan informilon, ni ĉiuj deziregis, ke la tiam malbonegaj ĝeneralaj cirkonstancoj baldaŭ pliboniĝu, por ke ni povu aperigi pli ampleksan kaj indan Esperanto-organon. La organizo ja

kreskis kaj ni tial kuraĝis en Aŭgusto 1946 eldoni la Aŭstrian Esperanto-Revuon, kiu estis aplaŭde salutita ne nur inter la aŭstria Esperanto-movado, sed eĉ ĝuas bonan reputacion en eksterlando.

Sed niaj esperoj pri baldaŭa ŝanĝo en la ekonomia kaj politika situacio de nia respubliko per kreado de ŝtatkontrakto inter la aliancanoj kaj Aŭstrio bedaŭrinde montriĝis iluzio.

La ekonomia situacio ne mildiĝis, kontraŭe eĉ multrilate akriĝis, kaj dum la pasinta jaro ni nur pene povis majstri la malfacilojn en la eldonado de AER, kvankam ni ĝin povis aperigi anstataŭ monate nur dumonate. Ne temis tiam unuavice pri la financaj rimedoj, sed ĉefe pri la havigo de la necesa paperkvanto kaj pri la malfaciloj en la presado de la organo, ĉar ofte la presmaŝinoj estis haltigitaj pro manko de elektra fluo. Pro tio la eldonado konstante prokrastiĝis kaj ĉi tiu stato bedaŭrinde ankoraŭ pludaŭradas.

Multaj gemembroj prave plendas pri la malregula apero de AER kaj per tio kaŭzitaj oftaj malfruiĝoj en la publikigo de organizaj kaj grupaj raportoj.

Sed nun la ekonomiaj cirkonstancoj ree malboniĝis pro denova paperkrizo kaj ĝenerala ega prezaltigo depost la 10. 8. 1947. Tio devigas ankaŭ nian organizon konforme teni la financan ekvilibron en la administrado.

Tial ni kontraŭvole estas devigitaj provizore eldoni la AER nur kvaronjare ĝis kiam pli bonaj cirkonstancoj ebligos ĝin aperigi denove dumonate aŭ eĉ ĉiumonate.

Tio certe signifas ioman malprogreson en nia aŭstria movado, sed ĝi tute ne estas signo de malvigleco en la propagando kaj laboro por Esperanto, sed kiel jam dirite, ĉi tiu aranĝo estas devigita unuflanke pro manko de papero kaj troa paper- kaj preskostoj kaj aliflanke pro malfacilo en la presejo pro ŝparado en la uzado de elektra fluo. La alproksimiĝinta vintro eĉ pli intensigos tiun malfavoran situacion.

Kontraŭ tiuj fenomenoj ni bedaŭrinde estas senpovaj, tamen ni devas serĉi rimedojn, kiuj helpu nin supervenki la nunajn malfacilojn ĝis kiam nia turmentita popolo fine ree trovu vojon en veran ekonomian kaj politikan liberon kaj novan prosperon.

Ĝis tiam ni AEF-anoj persiste daŭrigu nian taskon kaj spite al ĉiuj malhelpoj fortigu ni nian movadon laŭ la Esperantista devizo: Obstine antaŭen! La redakcio.

## Paroli aŭ labori?

**Kara samideano! Vi jam kelkfoje plendis pri tio, ke la sukcesoj de nia movado ne kontentigas vin. Eble vi jam faris gravajn proponojn kaj esprimis bonajn ideojn. Ĉu vi ankaŭ jam pripensis, ke nia movado**

ne nur bezonas kapojn ideoplenajn, sed ankaŭ manojn laborantajn? Ĉiu homo havas unu kapon por pensi, unu langon por paroli kaj du manojn por labori. Sed nia movado havas multajn kapojn kun multaj langoj kaj nur malmultajn manojn.

Kara samideano! Via kapo por ni estas tre valora kaj ni volonte aŭdas vian voĉon; sed bonvolu ankaŭ dediĉi viajn ambaŭ manojn por nia afero! La Centro, la landestraroj, la grupoj bezonas viajn manojn. Venu por certaj horoj kaj laboru kun ni!

Nur laboro kondukas al sukceso!

Ni atendas vin.. Jes, vin mem! Nepre vi devas labori kun ni, se vi volas prave esperi kontentigajn sukcesojn de Esperanto! F. J.

**Komuniko de la redakcio**

Ni devas atentigi nian legantaron, ke la manko de diversaj supersignoj super la literoj s, g, c ktp., precipe grandliteroj, ne estas preseraroj, sed la presejo provizore ne disponas pri la respektivaj Esperantoliteroj. Kvankam laŭ Fundamenta regulo ni devus anstataŭigi ĉi tiujn mankantajn literojn kun supersignoj per aldono de la litero h — ekzemple anstataŭ ĝ skribi gh — ni tamen pro unueco de la presaĵo prefere evitas ĉi tiun skribmanieron, ĉar ĝi ne nur nebone impresus, sed ankaŭ povus erarigi komencantojn en la lingvo.

Ni estas certaj, ke ĉiuj legantoj kapablas spirite anstataŭigi ĉi tiujn mankantajn supersignojn sen miskompreni la respektivan literon, vorton aŭ frazon.

# LITERATURO

## Dialekto kaj Esperanto

Tradukante iun ajn verkon en nian karan lingvon la tradukanto ofte trovas frazojn, kiuj ne estas skribitaj en la normala skriblingvo, sed en iu dialekto. Kaj tio estas por la tradukanto granda problemo, ĉar Esperanto kiel artefarita lingvo ja ne havas dialekton, do oni ne povas rimarkigi la legonton, ke la frazo en la originalo estis skribita dialektlingve. Sed plej ofte tio estus tre grava por la bona karakterizo de la parolanta persono. Kaj krome tio ne nur estas grava sed nepre necesa. Mi rimarkis tion tradukante la humorplenan francan libron „Tartarin de Tarascon“ de Alphonse Daudet. La ĉefpersono de tiu romano, Tartarin, estas sudfranco, kaj en unu ĉapitro li kantas; tiu kantado konsistas el dueto kun iu sinjorino de lia hejmurbo Tarascon; kaj li mem

„kantas“ nur trifoje la francan vorton „non“ (ne). Sed por precipe karakterizi sian heroon Alphonse Daudet rakontas, ke Tartarin, kiel sudfranco, ne prononcis „non“ sed „nan“. Estis nun la problemo, kiamaniere esperantigi tion. Kompreneble estus eble, tiun vorton lasi originallingve kaj aldoni tiurilatan rimarkon, sed la efiko probable por la legonto, kiu ne scipovas la francan lingvon, ne estus la sama, kiun la verkisto intencis, ĉar ĉu „non“ ĉu „nan“, la legonto ne sentus la neregulan dialektan prononcon. Tial mi tradukis la frazon: „Sed Tartarin kiel bona sudfranco ne kantis ‚ne, ne, ne!‘, li prononcis ‚nej, nej, nej!‘ “. Do, laŭ mia opinio, ankaŭ la leganto de la esperantigita rakonto sentos tuj la nekorektan prononcon, la dialekton.

Kompreneble mi tion povis fari tradukante unu solan vorton, sed oni certe ne rajtus uzi tiun rimedon por tutaj, ofte longaj frazoj, aŭ por tuta verko, skribita dialektlingve; oni tiamaniere ja devus krei tute novan lingvon. Do, kion fari? Ĉu verkojn, kun dialektfrazoj, ne esperantigi? Tio certe estus granda perdo por la Esperanta literaturo. Ĉu la dialekton traduki per la normala Esperanto? Tio certe ofte ŝanĝus la ideojn de la verkisto. Tamen mi opinias, ke oni povas helpi sin tiurilate: Se oni skribus — kompreneble tio devus esti klarigita en antaŭparolo de la tradukaĵo — en dialektfrazoj anstataŭ la pronomoj „mi, vi, li ktp.“ la formojn „muj, vuj, luj“ kaj — eventuale — anstataŭ la artikolo „la“ la formon „lo“. Tio sufiĉus por diri al la leganto: „Atentu, tiu homo parolas dialekton!“ Ĉar unu el tiuj vortoj certe preskaŭ ĉiu frazo enhavas. Komprenu bone: mi ne intencas krei novajn vortojn — Esperanto ja havas jam tro multe da neologismoj —, la proponitaj formoj de la kutimaj vortoj ne devas esti troveblaj en iu vortaro, ĉar — kiel jam dirite — ĉiu verkisto havus la devon ilin klarigi en sia verko, samkiel specialajn fakesprimojn. Sed tiuj formoj (mi intence ne diras „vortoj“) certe helpus solvi la problemon traduki dialekton.

Prof. R. K. Frühmann, Wien

# Esperanto kaj la Federacio de unuigita Europo

La 13. 9. 1947 parolis profesoro Bucher el Innsbruck en Landeck en la gastejo Straudi pri la organizo de la Eŭropo-Unio. Prof. Bucher elokvente priparolis la ĉefajn punktojn el la programo starigita en Hertenstein (Svisujo) la 21. 9. 1946. Pere de tiu federacio oni volas forigi la konstantajn malfacilaĵojn kaj diferencojn inter la ŝtatoj de Eŭropo kaj per tio konduki la naciojn al paco. La parolinto ankaŭ pritraktis la necesajn laborojn por realigi tiun planon. Li opiniis, ke la popoloj de ĉiuj landoj de Eŭropo estas devigataj sufiĉe interesiĝi pri tia tutkontinenta federacio. Eminentuloj el ĉiuj politikaj kaj ekonomiaj

rondoj de la eŭropaj ŝtatoj interkonsentas la necesecon de ŝtata unuigo. Nuntempe ni devas zorgi, ke tiu bonega ideo pri la ŝtata kunlaboro atingu la plej grandan atenton de la popoloj en la respektivaj landoj. Tiu ĉi afero ankaŭ dependas de la praktika kaj spirita kunlaboro de ĉiu aktiva membro de la Eŭropo-Unio.

La sekretariino de la landa sekcio de tiu movado, f-ino Sailer, aldonis al la parolado de la prof. Bucher jenon: Estas necese enkonduki internacian lingvon kiel ekzemple Basic English aŭ Occidental kaj krome ŝi ankaŭ menciis la gravan aferon rilate al gajno de la eŭropa junularo por la ideo de la Eŭropo-Federacio.

La debaton por la paroladoj ĉefe partoprenis la s-roj Chuly kaj Hilkersberger. Rilate efikplenan kunlaboron en la disvastigo de la ideo Eŭropo-Federacio s-ano A. Hilkersberger vortpentris la lastajn okazintaĵojn en la praktika kunlaboro de la fervojistaj Esperantistoj inter la 3 danublandaj ŝtatoj: Ĉeĥoslovakujo, Hungarujo kaj Aŭstrio. Li akcentis, ke per tiu ĉi kunlaboro la fervojistaj Esperantistoj de la nomitaj ŝtatoj spirite antaŭpreparas veran interligilon laŭ la senco de la Eŭropo-Federacia movado. Pro la enkonduko de komuna lingvo Hilkersberger montris la malfacilecon de aplikado de Basic English aŭ Occidental kompare al Esperanto, kiu jam depost 60 jaroj plene pruvis sian taŭgecon kiel lingvo internacia. Kunlaborado de ĉiuj Esperantistoj pri la realigo de Eŭropo-Federacio certe estus grava apogo de tiu ĉi ideo, ĉar pro la senco ideala enloĝanta en la lingvo Esperanto, la anaro de la Esperanto-movado konsistas almenaŭ je 70% el idealistoj. Kaj en ĉiu movado pri granda ideo, kiu certe ankaŭ prezentiĝas en la Eŭropo-Federacio, oni bezonas multe da idealistaj kunlaborantoj.

## La lernado de la libereco en la „Bastide de Beau souci" Francujo

Oni aŭdas kaj aŭdis multon pri la demokrataj landoj, sed estas iomete ridige. Ĉu vere en iu ajn lando ekzistas vera demokratio? Ĉu ĉiuj homoj, kiuj voĉdonas dum baloto estas konsciencaj pri la ekonomiaj, sociaj kaj politikaj problemoj? Tute ne.

En Francujo la sindikatoj starigis laboristajn administrajn komitatojn en la fabrikejoj. Ili povus ĉion kontroli, sed preskaŭ tute fiaskis. Ili nur estis subkomitatoj, ĉar la laboristoj ne sufiĉe estis taŭgaj, ĉar ili dum la okupado ne povis lerni kaj uzi la liberecon.

Tio ja estas komprenebla, ĉar depost ilia juneco oni instruis al ili silentecon kaj submetecon. — Silentu lernanto Kso, vi ja estas stultulo, tuj sidigu vin en la lastan benkon! — Kaj poste? — Unu du, unu du, . . . Soldato Kso vi ne sufiĉe bone marŝas, mi debatos viajn pieda-

ĉojn! — blekas la kaporalo. Ĉu oni post tia edukado povas esti kapabla decidi pri io?

Sed tamen ni devas esperi. Depost kelkaj jaroj malmultaj geinstruistoj komencis kompreni, ke la edukado de la homidoj estas tute malbona kaj en kelkaj landoj pioniroj fondis lernejojn, en kiuj oni instruas laŭ novaj metodoj.

La pedagogiaj direktaj metodoj ne estas tute similaj, sed tamen havas samajn bazojn.

Bosusi estas infana domo, en kiu grupo da kamaradoj kaj kamaradinoj faciligas la liberan kreskon de la homidoj. Geknaboj estantaj en la aĝo inter ses kaj dekkvar jaroj, manĝas, dormas kaj lernas en tiu ĉi domo. Ili estas partigitaj en samintelektaj grupoj. Ĉiu grupo elektas sian delegiton, kiu decidas pri la diversaj problemoj kaj agado en la domo.

Vi certe estas scivolema kiel ili estas instruataj? Simpla afero! Hodiaŭ estas tre bela la vetero kaj la pli junaj havas kalkullecionon. Kun la gvidantino ili kolektas florojn en la parko, ĉirkaŭanta la domon kaj poste estas aranĝita granda ludo, la florfoiro. La geknaboj aĉetas per diversvaloraj kuponoj la florojn. Tri kampanuloj kostas du frankojn, kvin lekantoj tri frankojn kaj sepdekkvin centimojn kaj tiamaniere ili aĉetas cejanojn, papavflorojn, ranunkolojn ktp.

En Bosusi oni ankaŭ multe esploras la proksimajn kaj malproksimajn landojn. Per landkarto la infanoj vojaĝas al iu franca provinco kaj ĉiu devas fari propran esploron pri la ĉefaj urboj, pri la diversaj produktaĵoj, la riveroj ktp. La koncernajn lernhelpilojn ili trovas en granda biblioteko. Post la esplorado ili devas parkere rakonti, kion ili notis.

Por la pli abstrakta studado en hela lernĉambro estas kvin tabloj kie sidas la geknaboj, po kvar ĉe unu tablo. Ĉiam en la komenco de la semajno ili ricevas kelkajn slipojn, agrable verkitajn, pri diversaj temoj, kalkuloj, gramatikaĵoj ktp. Dum la laboro ili povas komenci per kio ili volas kaj krom la demandaj slipetoj estas ankaŭ respondaj. Sed ne valoras friponludi, ĉar la gelernantoj ne ricevas notojn kaj ankaŭ ne ekzistas punoj en Bosusi. Dum la laboro ili povas viziti la bibliotekon, postuli ion de siaj najbaroj kaj la veraj malfacilaĵoj estas individue klarigataj de la instruistino. Tiu ĉi notas ĉion, sed nur por si mem.

La geknaboj havas diversajn okupojn. Nature ili kantas kaj gimnastikas, sed ili ankaŭ verkas kaj eĉ presas sian ĵurnalon. Ili bindas librojn, bakas argilaĵojn kaj potojn, kreas belajn keramikaĵojn. Ankaŭ kuirejo kaj kudrejo, same diversaj metilaborejoj estas en la domo. La infanoj ne lernas la metion, sed ili povas evoluigi libere sian personecon.

La vizitantoj ĉiam faras grandajn okulojn, vidante kion kapablas fari junaj geknaboj, kiam ili vere libere povas labori.

Eĉ se vi, vizitante tiun domon, mem ne scipovas la francan lingvon, vi ne estus fremda en tiu ĉi lernejo, ĉar en Bosusi oni ankaŭ lernas kaj parolas Esperanton.

Raymondo Petit, Parizo

## Pozitiva Paclaboro

„Ne per vortoj, sed per agoj vera paco venos inter la homoj kaj inter la nacioj" estis la konvinko, firme esprimita de la kongreso de „International Fellowship of Reconciliation" (Internacia Asocio por interpopola repaciĝo) en Bilthoven (Nederlando) dum somero 1920. — Germana kongresano proponis, ke oni kreu internacian grupon de volontuloj, kiuj laboru senpage por la rekonstruado de la ruinigitaj regionoj de Norda Francujo. La propono estis subtenata: Svisa inĝeniero, Pierre Cerésole, organizis tiam „Internacian Civilan Help-Servon" kia ĝi poste nomiĝis kaj ĝi fariĝis internacia institucio. Aliĝis volontuloj el diversaj landoj, inter ili rifuzinto de militservo el Anglujo; Kunagi ĉe servo de rekonstruado kaj rebonigo li volis, kiu estis rifuzinta kunagon ĉe servo armila. Jen vera esenca celo de tiu realista-idealista kolegaro: Rekonstrui, rebonigi en amo per paca laboro, kiun malamo, milito detruis.

Kaj ĉie, kie estiĝas eksterordinara mizero aŭ katastrofo ĝi laŭ siaj fortoj kaj donitaj ebloj ekagas. — „Fosilon anstataŭ pafilo!" estas ĝia devizo kaj sur ĝia insigno, montranta fosilon kun la surskribo „Pax", oni legas: „Ne nur vortoj, sed agoj!" — Kiam 1938 la Rejno sekve de vetera katastrofo transbordiĝis kaj inundis la belan terenon de princlando Liechtenstein, venis tiam pli ol 700 „pacaj batalantoj", inter ili 70 „fratinoj", servantaj en mastrumado, el 22 landoj kaj de plej diversaj profesioj kaj penplene frate kunlaboris, rekulturigante dezertiĝintan teron. — Kaj diverslande okazis ĉiujare tia servo, kiun partoprenis tute libervole homoj de diversaj popoloj kaj de malsamaj sociaj medioj.

Nun post la dua plej terura mondmilito ankaŭ ni Vienanoj speciale spertis la bonfaran kaj alte socian, vere pacemigan agadon de ĝi. Pierre Céresole, bedaŭrinde jam elmondiĝis, sed spirito lia efikas plue bonon.

Ĝuste la Viena distrikto kun sia ĉefe laborista loĝantaro suferis vere gravajn domaĝojn kaj detruojn. Tie troviĝas ankaŭ la Infan-Malsanulejo de Preyer („Preyersches Kinderspital"). De la antaŭe bela, impona moderna konstruaĵo restis nur du pavilonoj iom konserviĝintaj

enmeze de ruinaro. Kaj ŝajnis maleble, trovi helpantojn, forigantaj la rubamasojn ĉirkaŭe, ĝis fine oferema ĉefkuracisto kaj helpopreta distriktestro en sia klopodado venis al komunuma sociprizorga institucio kun la modesta nomo „Jugend am Werk" (Junularo ĉe agado). Dek ĝis dekkvin gejunuloj estis la unuaj, kiuj idealismoplene ekagis kontraŭ la rubaro. — Iom poste la „Internacia Civila Help-Servo" resp. ties centro en Svislando, proponis helpon de sia grupanaro ĉe la rekonstruado de Vieno. Post interkonsento pri la laborplano venis dum Julio 27 anoj de la Internacia Civila Help-Servo, ĉefe svisoj, danoj kaj angloj. Aliĝis ankoraŭ du aliaj grupoj el Anglujo („Youth Service Volunteers" kaj „Friends Ambulance Unit") kaj amikoj el Nederlando. Kun ili laboris kelkaj aŭstrianoj. Ĝis meze de Aŭgusto 1946 ili en 560 laborhoroj entute forigis 600 kubikmetrojn da rubaĵo, kolektis rustiĝintajn feraĵojn el la rubaro kaj ordigis kolonojn de brikoj. Kaj kiel interkompreniĝis la diversgentaj volontuloj? Sendube, la sama idealo kaj komuna sentado kreis de si mem atmosferon de interkompreno; pli malpli ankaŭ servis angla kaj germana lingvoj kiel interkomprenilo, tamen ne tiel efike, kiel la apliko de Esperanto estus helpinta. La centro de la Internacia Civila servo tion ankaŭ jam delonge ekkonis kaj tial tre favoras kaj laŭokaze oficiale uzas Esperanton. Aperis i. a. inda broŝuro pri la Civila Servo, verkita de nia fervora svisa s-ano kaj kunlaboranto de la C. S. Jule Gilliard (Neuveille, J. B. Svislando). Kaj vidu: Okaze de vizito ĉe kelkaj el la volontuloj en Vieno amiko el Danujo konfesis, ke li scias iomete Esperanton. Kaj eĉ tiu nur ioma scio estis al li tre utila dum la vojaĝo Vienon. Li ne havis aŭstrian monon por aĉeto de la bileto en Feldkirch. Hazarde li ekvidis kontraŭ si sidantan viron kun la verda stelo. Li tuj alparolis lin kaj malgraŭ la tre malperfekta lingva scio de la dana amiko li sukcesis kaj trovis bonegan helpon de la aŭstria samideano, kiu al li pruntedonis la aŭstrian monon, ĝis nia amiko povis ŝanĝi sian fremdan valuton. — Tute entuziasme rakontis la dana s-ano tion kaj ankaŭ aliaj nun interesiĝis pri Esperanto, la Vienaj kunuloj tuj demandis pri eventuala kurso resp. lernebleco. Ĉiuokaze montriĝis ree la graveco de reciproka interrilato sur tiu kampo de vere pozitiva paclaboro, aktiva, reala, kia la „Civila Servo" estas.

---

Kiu scias la restadreson de la germana raketesploristo d-ro Eugen Sänger, bonvole skribu al s-ano Walter Kermann, inĝeniero, (13 a) SELB, Bayern, Reuthestr. 9, Germanujo.

# LA ESPERANTO-MOVADO EN AUSTRIO

**Viena Delegitaro**

Kunsido la 3. 9. 1947. Afergvidanto s-ano R. Cech en sia raporto esprimis la bedaŭron, ke pro la epidemia malsano de poliomielito en Tirol la Aŭstria E-Kongreso devis esti prokrastita. — S-ano Paul Glüxmann raportis pri la U. K. en Bern; Ludwig Sager pri la SAT-kongreso en Aarhus; Josef Zink pri la renkontiĝo de la aŭstriaj fervojaj Esperantistoj en Landeck, Tirol, kaj Emil Vokal pri sia entreprenota vojaĝo al Zaandam, Nederlando.

Kiel gasto parolis s-anino Lippert, kiu antaŭ 10 jaroj forvojaĝis Anglujon. Si transdonis al la delegitoj kaj aŭstria Esperantistaro la salutojn de la E-klubo en Londono kaj laŭtlegis leteran raporton pri la E-movado en Germanujo, direktitan al AEF kaj subskribitan de la prezidanto d-ro Ziegler en München, kion la delegitoj aplaŭde akceptis.

S-ano Werner raportis pri la enkonduko de libroŝparado. Per semajna aŭ monata aĉeto de glumarkoj je certa prezo la AEF-anoj povas ŝpari definitivan monsumon, por kiu la eldonejo „Tramondo" laŭdezire liveros Esperantajn aŭ aliajn librojn. En ĉiuj grupoj estu elektota speciala funkciulo, kiu prizorgu la libroŝparadon.

S-ano Cech parolis pri la aŭtuna varblaboro kaj skizis programon.

Kunsido la 1. 10. 1947.

S-ano Cech raportis, ke la Esperanto-Kongreso nun definitive okazos en Kufstein inter la 17.—19.10. 1947. — Prezidanto Glüxmann sciigis, ke oni klopodas fondi instruistan E-grupon, kiun povus gvidi d-ro Diwisch kaj s-ano R. K. Frühmann. — Raportis la diversaj grupdelegitoj pri la laboroj kaj aranĝitaj E-kursoj en la distriktoj. — Ankaŭ inter la katolikaj skoltoj E-kurso estas en preparo. — Estas provate refondi la iaman E-grupon de la tramistoj. — Prezid. Glüxmann proponis enkonduki sistemon de grupkonfiduloj, kiuj vizitu izolajn Esperantistojn kaj invitu ilin aliĝi al AEF kaj la grupoj. — S-ano Bouché komunikis, ke li sukcesis fondi mandolin-orkestreton. — S-ano Cech proponis la okazigon de Viena Esperanto-Konferenco, al kiu partoprenu la tuta Viena Esperantiŝtaro. — S-ano Glüxmann proponis, ke tiu konferenco estu ligita kun Zamenhofa memorfesto.

Poste parolis s-ano Kühnel, partoprenanta kiel gasto el Hamburgo. Li estas Vienano, sed loĝas depost 9 jaroj en Germanujo. Li transdonis la salutojn de la Hamburgaj Esperantistoj al la Vienaj. Li komunikis, ke en Hamburgo ekzistas la samaj malfacilaĵoj kiel en Aŭstrio kaj pro manko de papero ne povas aperi E-gazeto kaj -legaĵoj.

S-ano Cech petis s-anon Kühnel kunpreni la salutojn de la aŭstriaj Esperantistoj al la samcelanoj en Hamburgo kaj dankis lin pro lia vizito.

La **Esperanto-grupo „Centro"** ĉe la Viena Esperanto-Centro, Vieno I, Neutorgasse 9, reaktiviĝis sub la prezidanteco de s-ano Gabriel Katzianka, la eldonanto de „Weltsprache". Ĝi kunvenas nun regule ĉiun ĵaŭdon de la 18a ĝis la 19a. En la programo estas diskutoj pri proponitaj temoj (ĝis nun ekzemple: „La valoro de la lernejaj fakoj por la vivo" aŭ „Ĉu la tekniko feliĉigas la homojn"), paroladoj aŭ prelegoj de konataj samideanoj (d-ro Grimme, Zodel, Vokal kaj aliaj), tradukado de literaturaĵoj el la germana lingvo kaj aliaj ekzercoj.

Antaŭ ĉiu grupkunveno okazas duonhora ekzercado gramatika, gvidata de s-ano Werner.

Anoj de aliaj grupoj estas kore invititaj, aliĝi kiel „gastmembroj" je kotizo de 50 g por la monato.

**E-grupo „Verda Stelo" Wien V.** — Ekde Sept. 1947 la grupo fariĝis fakgrupo de la Popolkleriga Instituto Mar-

gareten, V., Stöberg. 11—15. Kunvenoj ĉiulunde de la 20—21.30a h. Samtempe tie estis aranĝata porkomencanta E-kurso. La nomita instituto regule aperigas en siaj komunikiloj la grupsciigojn. Kiel honora membro aliĝis al la grupo la irlanda s-ano James Hutchinson el Belfast, kiu dum kaj post la milito travojaĝis 16 landojn, kie li ĉie povis praktiki Esperanton. S-ano Hutchinson ĝoje esprimis, ke li sentas sin hejme en Aŭstrio kaj precipe en Wien. Ĉie li trovis multajn amikojn pere de Esperanto. En nia kaj ankaŭ en aliaj E-grupoj li kelkfoje parolis pri siaj tre interesaj vojaĝspertoj koncerne Esperanton.

**Grupvesperŝanĝo!** La Viena E-grupo „Libereco" komunikas, ke la grupvesperoj ekde Oktobro okazas ĉiam **ĵaŭde** en la grupejo: XII., Gaudensdorfergürtel 11, ŝtuparo 2, je la 18—20a.

La skriba adreso por la grupo restas: E-grupo „Libereco" XII., Am Fuchsenfeld 10—15.

La kurso por komencantoj okazas marde en la lernejo: XII., Fockygasse 20, der 18.30—20.30a.

**Tramista fakgrupo Esperantista.** — La iama Tramista fakgrupo Esperantista de Wien reviviĝis kaj ĉiuj kolegoj Esperantistaj estas petataj sin anonci kaj kunhelpi, ke la grupo denove ekfloru kiel antaŭ 1938. En preskaŭ ĉiuj deĵorejoj jam estas starigitaj perantoj, kiuj transprenis la taskon propagandi por la E-movado kaj donas informojn al la kolegoj pri kursoj ktp. Provizora afergvidanto estas s-ano H. Braun; la sidejo de la fakgrupo kaj adreso estas: Wien I., Neutorgasse 9, Aŭstrio.

**E-klubo Kufstein, Tirol.** La 13. 9. 1947 okazis la 1a ĉefkunveno de la klubo. Estro d-ro A. Huber salutis la ĉeestantojn kaj raportis pri la grupagado. La klubo nun nombras 23 anojn, sed ĝi devas plukreski. La klubo plene subtenis kaj subtenos la penadojn de la landestro de AEF en Tirol, s-ano Hans Steiner, kaj multe laboradis pro la okazigo de la Aŭstria Esperanto-Kongreso en Kufstein, kiu bedaŭrinde devis esti prokrastita ĝis Oktobro.

Pro la kongresaj preparlaboroj meritas plenan dankon la s-anoj Steiner, Kaufmann, Schwaighofer, Zech kaj la kancelaria personanaro de d-ro Huber. Kasisto s-ano Zech raportis pri la kasostato, kiu montras kontentigan rezultaton kaj krome donas bildon pri la aktiva agado de la klubo.

Parolis landestro Hans Steiner, skizante la celojn de la E-grupoj kaj admonis la klubanojn diligente studadi la lingvon, por ke ili fariĝu veraj Esperantistoj. Krome li petis ilin ĉiuforte apogi ankaŭ la novelektotan klubestraron.

La novelektoj rezultigis jenan estraron: d-ro Huber, inspektoro Kaufmann, f-ino Winkler, inĝeniero Zech, f-ino Schweiger kaj Scheiflinger.

La reelektita klubestro d-ro Huber dankis nome de la nova estraro pro la al ĝi donita konfido kaj promesis laŭpove labori por la disvastigo de Esperanto kaj la bono de la klubo. Li anoncis la okazigon de kristnaska klubfesto, al kiu programo multon kontribuos s-ro Visneider. Poste okazis amuza vespero daŭranta ĝis noktmezo.

**Esperantista Rondo Ebensee, O. Ö.**

Nova kurso por progresintoj komenciĝis la 3an de novembro en la hotelo „Suno." Partoprenas ĝin dudek gekursanoj. La kurso estas gvidata de la ŝtate ekzamenita E. instruisto profesoro samideano Lezak.

Multaj, efikaj afiŝoj kun klariga teksto pri Esperanto estas afiŝitaj kaj invitas lerni Esperanton.

**E-societo „Verda stelo", Salzburg**

En la Aŭgusta monata societkunveno la estro direktoro H. Sappl povis saluti kiel gastojn inter alie la konatan universitat-profesoron d-ro Hugo Sirk el Wien kaj la anglajn geesperantistojn gesinjoroj Collman. Advokato Collman interese parolis pri la rilato de Aŭstrio al Anglujo. Emfaze li konstatis, ke inter Anglujo kaj Aŭstrio ne plu ekzistas malamikeco. La Esperantomovado en

Anglujo nuntempe bone prosperas, kio evidentas el tio, ke granda parto de la kongresantoj ĉe la Universala Kongreso en Bern konsistis el angloj.

La kunveno finiĝis per majstre parolataj recitaĵoj de s-ano prof. Sirk. Ĉiuj parolintoj rikoltis multan aplaŭdon. Pri la kunveno raportis la „Salzburger Volkszeitung" de 11. 8. 1947.

**E-societo „Unueco", Graz**

La 1. 10. 1947 okazis kunveno en la salonego de la elektra uzino de Graz, en kiu parolis kalkulkonsilisto R. M. Frey el Wien pri la Universala Kongreso en Bern, kiun li partoprenis kiel delegito de AEF. La parolanto elokvente priskribis la trapason de la kongreso kaj la fakton, ke ĉiuj delegitoj kaj kongresantoj el 35 nacioj senpene povis sekvi la traktadojn kaj paroladojn nur en Esperanto. S-ano Frey dum la parolado inter alie esprimis ankaŭ varman dankon al Svisujo, kiu bone gastigis la 1350 kongresantojn en Bern kaj montras tiom da simpatio por nia suferanta Aŭstrio per multe da praktika helpo. Ĉi tiu danko ankaŭ estis dissendata per la radio Graz.

La societkunvenoj okazas regule ĉiuvendrede je la 19-a h. en la gastejo „Schwechater Bierhalle", Herrengasse 13. La grupo nun nombras preskaŭ 70 membrojn. Estro Bartoschek partoprenis la Universalan Kongreson en Bern. Nia ĉiam agema s-ano Sepp Zeilhofer transloĝiĝis al München, kie li loĝis antaŭmilite. Ni tre bedaŭras lian foriron kaj deziras al li ĉion bonan por la estonto. S-ano Z. estante lerta filmaktoro kaj reĝisoro nun eble povas labori por Esperanto ankaŭ en tiu metio.

**Esperanto en la Popola altlernejo de Linz, O.-Ö.**

La 1. 10. 1947 malfermiĝis la unua Popola altlernejo en Linz sub la aŭspicio de eminentaj personoj el la kultura kaj socia vivo de la urbo. Elstaras la nomo de la urbestro de Linz kaj parlamenta deputito d-ro Ernst Koref. Pro kunlaborado kultura kuniĝis gravaj institucioj kaj unuiĝoj, el kiuj estu cititaj nur kelkaj: Altlernejo de Linz, Publika kolegio, Landa muzeo, Landa teatro, Brita konsilantaro, Kuracista Ĉambro, Katolika kaj evangelia kleriginstitutoj, Mezlernejo por laboristoj, Stata metilernejo, Socialista kleriga centro Esperanto-societo „Unueco" k. a.

En la fremdlingvan fakon de la Popola altlernejo, kiun estras la eminenta filologo profesoro d-ro Herbert Grau, estis akceptata ankaŭ Esperanto. Gin instruas komunuma konsilanto s-ano Wilhelm Namors, malnova, ŝtate ekzamenita Esperantisto kaj lerta kursgvidanto, kiu kapablas spici la leciojn ankaŭ per humoro.

Sed por enkonduki Esperanton en la programon de la Popola altlernejo, nia kara grupestro Karl Nigl devis fari multajn paŝojn. Pro tio li meritas la plenan dankon de la tuta grupo „Unueco". Same la Esperantistaro ŝuldas dankon al la urbestro d-ro E. Koref kaj prof. d-ro H. Grau, kiuj favoris la akcepton de Esperanto en la instruplanon kaj ĝi sincere ĝojas pri ĉi tiu grava sukceso.

Gottfried Heidl.

**Nekrologo**

La Esperantista fakgrupo fervojista de Linz sciigas pri la morto de nia entuziasma kamarado Hans Honeder, kiu survoje al sia oficejo subite mortis pro apopleksio la 10. 6. 1947. La fakgrupo fervojista perdis valoran kamaradon kaj malnovan Esperantiston. Fervojistaj Esperantistoj ĉeestis la adiaŭan ceremonion en la tombejo; la samideanoj de Linz ĉiam memoros la mortinton.

**La nova adresaro 1947**

La tutmonda adresaro por la Esperantistaro estas bonega afero. Ni salutas la libreton kaj gratulas al la eldonisto s-ro kortega konsilisto Hugo Steiner pro lia penplena laboro. Oni rigardas en ĉi tiun libreton kaj samtempe oni sentas sin kunigata kun la tuta mondo, ĉar oni scias, ke ĉiu nomo

estas la nomo de iu samideano, de iu amiko. Ĉiu el tiuj idealistoj atendas ricevi skribaĵojn de iliaj distancaj samideanoj en la mondo kaj ĝojas trovi kontakton kun ili. Tio ne ekzistas en iu alia lingvo, sed nin Esperantistojn kunigas granda ideo kaj donas al ni la eblecon trovi unu la alian per nia komuna lingvo.

F. Ferschner, Linz.

**„Internacia Esperanto-Servo de Aŭstrio"** nomiĝas multobligita informilo, eldonata de la Aŭstria Laborista Esperantistaro (Wien I., Neutorgasse 9), prezo ponumere 50 groŝoj.

La enhavo estas pleje laborist-tendenca kaj IES entreprenas la provon internaciskale kontaktigi laboristajn korespondantojn cele de reciprokaj informoj pere de IES. Ĝi estas lerte redaktata de Franz Haiderer kaj oni povas esperi, ke la nova informilo trovas grandan disvastiĝon precipe inter la laborista Esperantistaro en eksterlando. Kunlaboremuloj el tutmondo sendu raportojn kaj informojn ekonomiajn, socialajn, politikajn k. c. al la supre citita adreso.

**Grava mondonaco al AEF.**

S-anino, kiu ne volas esti nomita, sendis al la centro de AEF la sumon de ŝil. 300.— per jenaj modestaj vortoj: „Uzu la de mi senditan monon por la E-movado! Sed nenie nomu mian nomon pro tio! Mi volas helpi laŭ mia kapableco, sed mi ne ŝatas esti nomita en gazetoj ktp."

Rimarkigo: Kvankam ni ne rajtas nomi la malavaran s-aninon laŭ ŝia deziro, ni tamen publike esprimas al ŝi nian koregan dankon nome de AEF. — La centra estraro.

**IFETT — sekcio aŭstria fondita**

Okaze de la renkontiĝo de la aŭstria Fervojista fakgrupo Esperantista en Landeck, Tirol, inter la 9.—10. 8. 1947, la kunveno laŭ raporto de la sekretario s-ano J. Zink decidis, ke la restarigo de la iama Internacia Federacio de Esperantistaj Trafik- kaj Transportlaboristoj (IFETT) kiel sindikata Esperanto-movado de Internacia Transportlaborista Federacio (ITF) estas necesa kaj la aŭstria Fervojista fakgrupo Esperantista estu ĝia provizora landa sekcio en Aŭstrio. La grupestraro estis komisiata intertrakti pri tio kun la aŭstria fervojista sindikato kaj kun la ĝenerala sekretariejo de ITF en Londono. La ĝenerala sekretario de ITF letere promesis, ke ĝi denove apogos kaj oficialigos la IFETT-movadon, kiam inter la Esperantistoj sindikate aliĝintaj al ITF montriĝas sufiĉa aktiveco por sindikata E-movado.

La aŭstria IFETT-sekcio do direktas al ĉiuj iamaj IFETT-funkciuloj kaj anoj ĉiulande la alvokon, ke ili denove eklaboru pri la restarigo de IFETT kaj interrilatu pri tio kun la sekretario Josef Zink, Endlichergasse 2—4, IV/17, Wien, Aŭstrio.

(E-gazetoj estas petataj represi la noton. La redakcio).

**Radio Wien disaŭdigas Esperanto-raportojn**

La radioelsendoj pri kaj en Esperanto okazas nuntempe jene:

Sendilo Wien I ĉiumerkrede de 6.35 ĝis 6.45 h. matene per la ondolongoj 506.8, 25, 31 kaj 48 m MET.

Sendilo Wien II ĉiumarde de 18.20 ĝis 18.30 h. per la ondolongoj 228.6 kaj mallongondoj 31 m kaj 41 m.

Aŭskultu la raportojn kaj komuniku viajn impreson, sugestojn kaj kritikon al: AEF, Wien I., Neutorgasse 9, radiofako.

Skribu vian kontenton kaj dankon pro la akcepto de Esperanto en la radioprogramon al: RAVAG, Wien IV., Argentinierstraße 30a.

**Radiostacio Ostrava, ČSR.**
elsendas Esperantoprogramon dufoje semajne, marde kaj ĵaŭde, per nova ondo 259 m, mez. eŭr. t., je la 21.50a h. Skribu viajn impresojn kaj dezirojn al nomita radiostacio.

**Internacia Esperanto-Muzeo en Vieno malfermita**

La IEMW post venko de multaj malfacilaĵoj estas ree malfermita kaj invitas ĉiujn Esperantistojn ĝin viziti kaj uzi la bibliotekon. Eblecoj por legado estas ĉiulunde kaj ĉiuĵaŭde de la 9a ĝis 12a kaj 14a—16a horo. Pruntoj de libroj povas okazi dum la samaj horoj kaj tagoj. Direktoro de la IEMW estas kiel antaŭe kortega konsilanto Hugo Steiner. Adreso: IEMW, Wien I., Hofburg, Reichskanzleitrakt, Bathyanystiege, 3. Stock.

**Aŭstrio helpis al Egiptujo en la holera epidemio**

Laŭ urĝa radiotelegrafa mendo de Egiptujo fine de Oktobro ĉj. la seroterapia instituto de Vieno 500 litroj da vakcina sero kontraŭ la egipta holera epidemio. Stabo da institutaj asistant(in)oj streĉe laboradis super la normala labortempo por plej rapide ekstrakti la holerajn vakcinojn. La transporto de Vieno — Genevo — Kairo daŭris 4 tagojn.

Krome estis instigata de la ĉefo en la popolsaneca oficejo, prof. d-ro Reuter, kaj de la ĉefkuracisto en la infekta hospitalo de la urbo Vieno, d-ro Zikovsky, helpagado por povi sendi 10 aŭstriajn kuracistajn specialistojn al Egiptujo por kunbataladi kontraŭ la mortiga epidemio.

La aŭstria seroterapia instituto en Vieno ĝuas bonan famon trans la ŝtataj limoj kaj la eksterlando ree mendas pleje telegrafe vakcinajn serojn kontraŭ tifo, paratifo kaj holero.

# INFORMOJ DE LABORISTA ESPERANTISTARO

**Adreso: Aŭstria Laborista Esperantistaro, Wien I., Neutorgasse 9**

## Aŭstria Laborista Esperantistaro oficiale fondita

### Laborkunsido de ALE en Kufstein

Dum la Aŭstria Esperanto-Kongreso okazis la 17. 10. 1947 en Kufstein laborkunsido de Aŭstria Laborista Esperantistaro ligita kun E-ekspozicieto. Partoprenis 98 gekamaradoj.

Je la 14.15a h. k-do E. Vokal malfermis la kunvenon, konatigis la salutojn de FET (Paris), FET (Bruselo), k-do Dejardin (Parizo), de la hungaraj Esperantistoj okaze de la hungara E-kongreso en Pecz kaj de nederlandaj Esperantistoj (pere de k-do Vokal), la salutojn de la SAT-Kongreso en Aarhus (pere de k-do L. Sager) kaj salutleteron de la E-grupo „Kuraĝo“ en Leoben. Li sciigis, ke la 3 proponoj de la nomita E-grupo estos voĉdonataj dum la respektiva tagorda punkto kaj transdonis la parolon al k-do S a g e r.

K-do Sager kiel provizora estro de ALE salutis la kunvenon kaj parolis pri la celo kaj tasko de la oficiale fondota ALE. Ĝi estu en la kadro de AEF memstara laborista frakcio. „Ni tute ne volas krei intermiksitan haoson da Esperantistoj de la du laboristaj partioj. Kontraŭe! La frakcio dividiĝu en du sekciojn, t. e. en socialista kaj komunista sekcio kies celo estu: 1) favorigi al akcepto kaj akcelado de Esperanto per la respektiva politika partio; 2) doni al la frakcio la tipajn signojn de laboristtendenca, antifaŝista laborado sen demagogiaj agadoj kaj 3) sincere agadi kaj aktive kunelabori sub la moto: Per Esperanto por Socialismo!“

Dum la parolado alvenis la eksministro k-do d-ro H. Frenzel, kore salutata de la kunvenprezidanto k-do Vokal, kiu petis d-ron Frenzel paroli kelkajn vortojn. D-ro Frenzel salutis la ĉeestantojn Esperante kaj diris inter alie: „Aŭdinte, ke la laboristaj Esperantistoj havas laborkunsidon kaj estinte hazarde

en la proksimo, mi tuj alvenis ĉi tien por montri al la gek-doj mian simpation kaj certigi al ili, ke mi estas kaj restas konvinkita Esperantisto!" La kunveno aplaŭde akceptis la vortojn de k-do d-ro Frenzel.

Poste sekvis mallonga diskuto pri la organo de ALE „Internacia Esperanto-Servo". K-do Loibel, Wien, opiniis, ke la enhavo de IES estas tro „maldekstra" kaj avertis pri tio. K-do Nigl, Linz, parolis samsence kaj konsilis gajni la junularon por atingi certan sukceson. K-do Sager respondis, ke ambaŭ pravas. La dua numero jam estis pli bona kaj la sekvontaj pliboniĝos laŭ la instigoj. La redakcia komitato klopodos levi la spiritan nivelon de IES.

K-do Sager parolis pri la oficiala fondo de ALE en la kadro de AEF, ĉar la ĝisnuna funkciado de ALE havis nur provizoran karakteron kaj substrekis la neceson de la ekzistado de sendependa frakcio de laborista Esperantistaro. Post tre longa kaj vigla debato la deklaracio pri starigo de ALE unuanime estis akceptita:

**Deklaracio de Aŭstria Laborista Esperantistaro**

Konforme al la iniciataj preparoj de laborista esperantista kooperativo en Vieno kaj konforme al la publikigo en la respektivaj numeroj de Aŭstria Esperanto-Revuo, la laboristaj Esperantistoj, kunvenintaj dum la Aŭstria Esperanto-Kongreso 1947 en Kufstein, Tirol, decidis en la fakkunsido de la laboristaj Esperantistoj la 17. 10. 1947 fondi oficiale la Aŭstrian Laboristan Esperantistaron (ALE) kiel frakcion de la Aŭstria Esperantista Federacio (AEF).

La elektita komitato de ALE estas komisiita ellabori kaj plenumi la organizajn, administrajn kaj redakciajn aferojn kaj raporti pri la laborprogramo kaj ceteraj aferoj regule en la speciala rubriko de ALE en la Aŭstria Esperanto-Revuo.

Por reprezenti ALE en la Esperantistaj rondoj, por propagandi niajn taskojn kaj varbi por nia frakcio, kolportadi niajn eldonaĵojn kaj por konstantigi la kontakton kun la lokaj laboristaj organizoj, ALE elektas en tuta Aŭstrio reprezentantojn en ĉiuj kluboj Esperantistaj, kiuj estas respondaj pri la antaŭenpuŝado de nia movado.

ALE deklaras sin kiel apartenaĵo de AEF por kiu validas ties statutoj kaj ĝi apogas la ĝisnunan pozitivan, superpartian agadmanieron de la Federacio.

Per la fondo de ALE ni enkondukas novan etapon de la laborista Esperantismo en Aŭstrio kaj manifestas nian pretecon agadi kiel sindonemaj pioniroj kaj kiel konsciaj antifaŝistoj por nia plej alta ideo: Per Esperanto — por Socialismo!

**La agadkomitato de ALE**

Estro: Ludwig Sager; kasisto: H. Wallner; sekretariino: Zöchling; redakta komitato de IES: F. Haiderer, St. Dalamasl, H. Kraus, J. Hajny, E. Vokal, A. Melker; bibliotekistoj: Anna Zottl, Steffi Krautschneider.

La listo estos kompletigata per komitatanoj el la liglandoj.

**Centra Komitato de Komunista Partio donacis por ALE 500.— ŝil.**

La Centra Komitato de aŭstria Komunista Partio transdonis al la estraro de la Aŭstria Laborista Esperantistaro la sumon de 500.— ŝilingoj, kiuj estu uzataj por organizaj aferoj de ALE. La estraro de ALE sincere dankas al la CK de la KP pro tiu grava donaco.

**1-a donaclisto de la Aŭstria Laborista Esperantistaro**

Eventuale mankantaj nomoj aperos en la sekvonta listo. ALE danke kvitancas jenajn donacojn: Ŝ. 50.— de E-grupo „Nia Vojo"; po Ŝ. 15.— de Haiderer, Winkler; po Ŝ. 10.— de Zöchling, Kral; po Ŝ. 5.— de Vokal, Kraus,

Hütter, Zottl, Schneider, Wallner, Hirnich, Krautschneider, Schertler, Loibel; ŝ. 3.— de Schmicke; po ŝ. 2.— de Neubauer, Dalamasl, Heyny, Peschl; ŝ. 1.— de Pistorius; tutsumo ŝ. 162.—.

**La Socialdemokrata Partio de Germanujo favoras Esperanton**

La kongreso de la Socialdemokrata Partio de Germanujo (SPD.) de la 29. 6.—2. 7. 1947, akceptis rezolucion favoran al Esperanto. La partio akcelos la enkondukon de Esperanto inter la laboristaro kaj ĝian uzadon en la internacia korespondado kun alilandaj laborist-organizoj. La partio rekomendas plivastigi la uzadon de Esperanto ĉe internaciaj laboristaj kaj sindikataj kongresoj.

**Manifesto de internacia socialista interligiteco**

Okaze de la Kongreso de Aŭstria Socialista Partio de 23.—26. 10. 1947 en Wien, al kiu partoprenis ankaŭ gastdelegitoj el 12 landoj, salutis la kongreson inter aliaj ankaŭ la ĉefdelegitino de la germana delegacio, ĉefurbestrino de Berlino, Luise Schröder. El ŝia parolado ni ekstraktas jenajn kortuŝajn vortojn:

„Ni amas nian hejmlandon kaj tio ankaŭ montriĝas en la arda sopiro de multaj elmigruloj ree povi hejmeniri en sian mizeron kaj malfeliĉon suferantan hejmlandon Germanujo el la relativa agrableco de la eksterlando. Sed krom tio nin ĉirkaŭas internacia socialista ligilo de la parenceco, la ligilo de la ideo kreadi novan mondon, la mondon de la libereco kaj homareco.

Pro la kulpo de Germanujo dufoje eksplodis mondmilitoj kaj dufoje estas puŝata la mondo en sennoman malfeliĉon. Hodiaŭ Germanujo estas izolita en mizero kaj kripliĝo, kaj nenie ĝi havas amikojn.

Ankaŭ ni socialistoj de Germanujo devas vivi en ĉi tiu izoliteco kaj forlasiteco. Komprenu vi tial, kiel feliĉaj ni estas, kiam ie etendas al ni amika mano, la frata mano de la aŭstriaj socialistoj."

**Esperanto-sekcio de la Naturamikoj en Vieno**

La sekcio aranĝis:

12 ekskursojn kun 308 partoprenantoj. Precipe estas menciata la ŝipekskurso al Greifenstein kun 100 partoprenantoj.

La aranĝoj de nia sekcio estis ĉiurilate tre fruktedonaj, ĉar ni kolektis la anaron dum la someraj monatoj, kiam ili ne emis sidi en la aerpremaj ejoj kaj gvidis ilin eksteren al la naturo. Dum niaj migrado facilanimaj paroladoj aŭ gajaj kantoj nin akompanis. Tiamaniere ni praktike uzis nian lingvon. Ankaŭ multaj Ne-Esperantistoj partoprenis al niaj ekskursoj.

La landa estraro de la Naturamikoj en Vieno starigis fakreferenton por Esperanto, kiu al ĉiu kleriga fakkunsido de la Naturamikoj estas invitata. La „Wiener Bote", bulteno de la Landa estraro raportos pri kaj en Esperanto. Ankaŭ kelkaj bultenoj de la Vienaj distriktaj grupoj menciis Esperanton kaj rekomendis la lernadon.

Max Finkenzeller.

**„Il libertario", Milano, publikis artikolon el AER**

La oficiala organo de Anarkista Federacio (FAI.) „Il libertario" publikigis en la numero de 17. 9. 1947 artikolon el la numero 1/1946 pri: Maxim Gorki pri Esperanto, kiun tradukis itallingve G. Quarone.

En la Moderna Lernejo en Milano malfermiĝis la 8. 9. 1947 E-kurso por la membroj de Lombarda Anarkista Federacio. Instruadas la fervora s-ano Quarone Giusepe.

**Arbeiterschaft und Esperanto**

Aus einem Brief an die AER:

Seit 1905, damals noch ein 16jähriger Bergmann, beteiligte ich mich am politischen Leben. Bis 1923 hörte ich jedoch nichts über Esperanto. Dann drang eine Kunde über die internationale Sprache aus dem Ruhrgebiet zu

mir, doch konnte ich wegen der damaligen Besetzung nach dem Kriege nicht dorthin gelangen. 1924 in Saarbrücken, hörte ich öfter von der Esperantobewegung. Ich sprach darüber auch mit dem Distriktsleiter, Gen. Julius Lang, welcher mich in meiner Auffassung über Esperanto unterstützte.

Seit 1922 gehöre ich der KP an. In dieser Partei erhielt ich meine politische Schulung. Ich lernte aber auch begreifen, daß Esperanto in den Händen einer klassenbewußten Arbeiterschaft eine starke Waffe im internationalen Kampf für sie bilden könnte. Leider aber können das die meisten Funktionäre der Arbeiterbewegung (KP und SP) noch nicht verstehen. Z. B. warb ich 1930 in Ludweiler (Saar) für die Abhaltung eines Esperantokurses. Da ich als Ausländer nicht den gewünschten Erfolg hatte, wandte ich mich an den Jugendleiter der SP, der in seiner Gruppe einen Kurs veranstaltete, was jedoch nicht die Zustimmung vieler Funktionäre der KP fand, obwohl der Kurs mit 45 Teilnehmern begonnen hatte. Eine weitere Gruppengründung wurde aus politischem Unverstand unterdrückt.

Doch auch hier in Eisenerz muß ich das gleiche erleben. Auch hier will man von Esperanto nichts hören. Gen. A., ein höherer Parteifunktionär, erklärte mir, daß Esperanto als internationale Sprache derzeit nicht in Frage komme, denn man müsse vorerst die nationale Frage lösen.

Da aber der Wert des Esperanto als internationale Verständigungssprache im Kampfe der internationalen Arbeiterbewegung g e g e n Kapitalismus und Imperialismus und f ü r die Festigung des demokratischen Prinzips nicht verkannt werden darf, so machen meiner Meinung nach alle Funktionäre der KP und SP, welche gegen die Esperantobewegung Stellung nehmen, einen großen politischen Fehler, weil sie die Arbeiterschaft nicht ermutigen, ein schon vorhandenes gemeinsames sprachliches Verständigungsmittel für ihre internationale politische und gewerkschaftliche Bewegung zu benützen.

Ich aber lege zur Stärkung der Esperantobewegung eine Spende von S 20.— bei.

Kun koraj salutoj
k-do Beinwachs.

Anmerkung der Red.: Die ungünstigen Erfahrungen, die k-do B. gemacht hat, sind zum Glück nicht allgemein gültig. Wir erleben andrerseits viele schöne Beweise, daß sogar wichtige Funktionäre der genannten Parteien die Esperantobewegung unter der Arbeiterschaft nicht nur gutheißen, sondern sie auch praktisch fördern.

Es liegt daher in erster Reihe an den Arbeiteresperantisten, sich in ihrer Fachsektion in der AEF zu sammeln, diese zu stärken und von hier aus die Idee des Esperantismus in ihren politischen und Fachorganisationen zu verbreiten und werbend für Esperanto zu wirken.

**Komunikoj de la SAT-peranto por Aŭstrio**

Adreso: L. Sager, Wien 16., Maderspergerstraße 14/12

Poŝtŝparkas-konto 193.114

**SAT-jarlibro 1947.** Ĉiu SAT-ano paginta la kotizon por 1947 ricevas la jarlibron 1947, kiu estos rekte sendata al la resp. adreso. Gekamaradoj prokraste aliĝintaj al SAT kaj pagintaj la kotizon 1947 de ŝil. 7.— same ricevos ĝin. Pagu je la konto: L. Sager, Wien 16., Maderspergerstraße 14/12, poŝtŝparkas-konto 193.114.

**SAT-kotizo por 1948.** Ĝi estas inkluzive „Sennaciulo“ kaj jarlibro 1948 kaj jara manipuladpago por Aŭstrio varia laŭ la cirkonstancoj, nuntempe 15 eksterlandaj leterafrankoj t. e. ŝil. 15.—. La kotizo eble ŝanĝiĝos dum 1948, sed nur por tiuj gek-doj, kiuj ne tiuj pagas ĝin. Por pagoj uzu nur la supre indikitan poŝtŝparkas-konton de la SAT-peranto.

**Vienaj SAT-anoj** regule kunvenas ĉiuvendrede ekde la 19a h. en la sidejo de la grupo „Nia vojo“, Wien 16., Klausgasse 32 (Naturfreundeheim). Demandoj, deziroj ktp. de la SAT-anoj estos tuj respondataj de la SAT-peranto k-do L. Sager.

**SAT-anoj el la liglandoj** unuavice interrilatu regule kun la resp. helpanto de la aŭstria SAT-peranto. Adresoj:

Oberösterreich: Hans Mickstätter, Linz-Urfahr, Hagenstraße 15/I; Salzburg: Georg Loczi, Böckstein Nr. 8, Post Böckstein; Tirol: Martin Stöckl, Innsbruck, Pacherstr. 5; Vorarlberg: Heinrich Ruedl, Bregenz, Achgasse 34.

Por la aliaj liglandoj de Aŭstrio helpantoj urĝe estas serĉataj. Anoncoj estas petataj de la landa SAT-peranto.

**Serĉataj SAT-anoj aŭstriaj!** K-dino Kraus Elli, loĝinta en Lehenrotte 67, poŝtejo Freiland, ĉe St. Pölten, serĉata de gek-doj A. kaj N. Vollegraaf, Lange Hilleweg 236, Rotterdam-Z, Nederlando.

K-do Stumpf, iama ĉefkonduktoro ie en Stirio, serĉata de k-do Thorsten Larsson, Lönngatan 36 b, Malmö, Svedujo.

K-do Vogl Fritz, loĝinta en Bemarolin 57, Wels, Oberösterreich, serĉata de k-do Rie Antis, Borselaarstraat 50a, Rotterdam, Nederlando.

K-do Olaf Thorsen, transdonis al k-do L. Sager, Vieno, dum la SAT-kongreso 1947 slipon al k-do Jensen Lorenzen. Ĉar mankas adreso, O. Th. klarige skribu al la aŭstria SAT-peranto.

La cititaj gek-doj aŭ konatoj de ili bonvolu skribi al la aŭstria SAT-peranto (adreso supre).

**SAT-korespondado.** K-do A. L. Kaljce, de Bazelstraat 3, Utrecht, Nederlando, dez. kor. kun aŭstriaj SAT-anoj. — K-do Paul Vuijk, Wijdenhof 4 B de Vaan, Rotterdam, Nederlando, dez. kor. kun aŭstriaj gek-doj pri ekonomio kaj politiko. — K-do H. van Hulst, Etaleur, Oranjestraat 16, Haarlem, Nederlando, kor. kun aŭstriaj gek-doj pri diversaj temoj.

**Fakkunveno de la aŭstriaj SAT-anoj en Kufstein**

Ĝi okazis la 19. 10. 1947 en Kufstein okaze de la Aŭstria Esperanto-Kongreso. Landa SAT-peranto k-do L. Sager koncize raportis pri la refondo de la SAT-movado en Aŭstrio. Nuntempa membrostato en: Vieno 38, N.-Ö. 7, O.-Ö. 12, Salzburg 6, Steiermark 5, Kärnten 3, Tirol 3, Vorarlberg 5, Burgenland 1, do entute 80. Li petis diskuton pri la neceso de starigo de SAT-rondoj en ĉiu aŭstria liglando, substrekis la nepran bezonon de landaj helpantoj por la landa SAT-peranto. Post vigla diskutado anoncis sin kiel SAT-helpantoj la k-doj, kies nomoj estas indikitaj aliloke (SAT-anoj el la liglandoj). Krome la diskutantoj jesis la neceson de la fondo de SAT-rondoj kaj promesis tiucele labori kaj propagandi.

Prezidanto de AEF, k-do Paul Glüxmann, per trafaj vortoj petis la ĉeestantojn, ke ili aktive kunlaboru en la SAT-rondetoj speciale kaj en la kadro de AEF ĝenerale por komune antaŭenpuŝi la E-movadon en Aŭstrio spite al ĉiuj malfaciloj. K-do Eder el Graz petis pri amika kunlaboro ankaŭ en la „Naturamikaj“-rondoj. La unua fakkunveno de SAT-anoj montris bonan aŭspicion por la estonto.

Kiu scias ion pri k-do Fritz Heuschober, dum la milito edziĝinta en Linz? Informojn bonvolu turni al ALE, Vieno I., Neutorgasse 9.

★

# KATOLIKA ESPERANTA VIVO

**Adreso: Aŭstria Katolika Ligo Esperantista (AKLE), sekretario Walter Mudrak, Wien III., Beatrixgasse 19/9, Aŭstrio**

## Laborkunsido de Aŭstria Katolika Ligo Esperantista

Ĝi okazis vendrede la 17. 10. 1947 en Kufstein dum la Aŭstria Esperanto-Kongreso en la hotelo Andreas Hofer. S-ano Mudrak salutis la urbdehanton-parohestron Hintner, la Esperantistan gefrataron kaj esprimis nome de la kunvenantoj dankon kaj sindonemon al la Ĉefepiskopa Moŝto de Salzburg, d-ro Andreo Rohracher, pro speciala permeso de Esperanto-prediko kaj bondeziroj liaj. D-ro Halbedl, Knittelfeld, esence pritraktis la gravecon de Esperanto por la katolikaro, la signifon de Esperanto kiel ilo por internacia katolika kunlaboro, interkoniĝo kaj interfratiĝo, por vera Katolika Agado kaj Misiado.

La katolikoj multnombre lernu Esperanton, la katolikaj instruistoj partoprenu la ŝtatajn Esperanto-ekzamenojn. Jus ni sciiĝis pri la sukcesaj klopodoj de la senlaca AKLE-prezidanto d-ro M. Führing pro nova tipo de ŝtata ekzameno pri la instrukapableco, donanta pli larĝajn eblecojn ol ĝis nun. AKLE volas praktiki firman kunlaboron kun IKUE (Internacia Katolika Unuiĝo Esperantista), plej eblan apogon de la internacia organo „Espero Katolika", helpon kaj kreskigon de la katolika Esperantoliteraturo kaj same bonan kunlaboradon kun la superpartia Aŭstria Esperantista Federacio tiom longe kiom ĝi restos tia kaj ni esperas, ke tio estu daŭre. Krome parolis d-ro Blaas, Innsbruck, s-ano Reiner, Burgenland kaj s-anino Oberlechner, Saalfelden.

En la oficiala kongresa Di-servo dimanĉe la 19. 10. 1947 en la urba paroha preĝejo s-ano katedrala vikaro pastro Kaps el Salzburg-Parsch faris vere modelan sencplenan predikon. La preĝeja horistaro sub gvidado de muzika direktoro Kirchmayr edife kantis la Kor-Jesu-kanton „Auf zum Schwure Volk und Land" bone esperantlingve. AKLE speciale dankas pro tiu oferema kunagado.

## Rezolucio de AKLE

unuanime akceptita en la kunveno vendrede la 17an de Okt. 1947 en Kufstein, okaze de la Aŭstria Esperano-Kongreso.

La dum la Aŭstria Esperanto-kongreso la 17an de Okt. kunvenintaj katolikaj esperantistoj kun angoro konstatas la daŭron de danĝeroj por la homaro el la fontoj, kiuj antaŭ malionga tempo inundis la liberecon de la homoj kaj tial ankaŭ la pacon. Ĉi tiuj danĝeroj minacas krome la kulturon de la kristana Eŭropo kaj la ekziston de la interpaciga lingvo Esperanto kun ĝia interna ideo.

Pro tio la kunvenintoj decidas, streĉi ĉiujn fortojn por malhelpi eble novan katastrofon kaj tial al la mondo suferanta ankaŭ per Esperanto klarigi la ĉiam efikajn rimedojn de le katolikismo kaj Esperantismo laŭ la Dia mandato de senkondiĉa altruismo de homo kaj homaro, dezirante kaj esperante, ke precipe la junularo tutmonda forlasu la falsan vojon de nur materiaj interesoj, elektu mem sian feliĉon en la paco de liberuloj kaj evitu la alie timindan pereon.

Tial la kunvenintoj petas ĉiujn, kiuj komprenu aŭ jam komprenas ĉi tiun kernproblemon, speciale la personojn, kiuj rajtas eduki kaj instrui, lernante kaj lernigante la lingvon de la komprenemo, subteni la Esperanto-movadon.

La kunvenintoj ankaŭ atendas, ke ĉiuj aŭstrujaj esperantistoj persone kaj per siaj organizaĵoj klopodados, utili al nia kara patrolando per korespondado verema, reĝustigi la ankoraŭ ofte malĝustajn opiniojn pri la karaktero kaj taskoj de Aŭstrujo kaj ĝiaj loĝantoj, kondutante nepre honeste.

Fine la kunvenintoj deklaras, efektivigi ĉi tiujn siajn intencojn en la kadro de A E F, kiu estu la sola reprezentanto de l'Aŭstruja esperantistaro tiom longe, kiam A E F restos superpartia.

**Katolika Esperantomovado**

**Ĉefepiskopo d-ro Andreo Rohracher** de Salzburg, en oficiala respondletero al petskribo de AKLE, permesis la aranĝon de Esperantoprediko dum la Di-servo okaze de la Aŭstria Esperanto-kongreso en Kufstein kaj sendis siajn bendezirojn.

*

**Internacia laborkonferenco de la katolikaj esperantistoj** okazis anstataŭ IKUE-kongreso fine de Julio t. j. en Hilversum. Malgraŭ kora gastama invito, pro la progresinta tempo ne plu estis eble, partoprenigi s-anon kiel delegiton de Aŭstrio. — En la internacian estraron de IKUE oni elektis ankaŭ reprezentanton de Aŭstrio, kiun AKLE interkonsente mem eknomu.

*

Dum la 32a Universala Kongreso de Esperanto en Bern okazis protestanta kaj katolika Di-servoj, bone vizitataj.

*

**Kunvenoj de AKLE-anoj de Vieno** okazis po 1 foje dum Julio kaj Aŭgusto kaj la 16an kaj 30an de Septembro en la hejmo de al Esperanto favora „Kreuzbund" (Krucligo-katolika sobreco-movado); ĉeestis i. a. franciskana pastro P. Dr. Eugen Berthold, KUE-honorprez-o Chiba k. a. malnovaj kaj novaj ges-anoj. Oni memoris je la festo de sankta Hildegardo, patronino de la katolikaj esperantistoj.

*

**Kunvenoj de AKLE okazas samloke: Kreuzbund,** Wien I., Graben 13, IIa etaĝo, ĉiun 2an kaj 4an mardon en la monato de la 17a ĝis 19½ horo; ĝis la 18a horo ĉiam perfektiga instruo (gvid. s-ano L. Siedl), plue raportoj, tradukado, kantado. Kunprenu E.-preĝareton kaj kantaron!

*

Aliĝis al AKLE pluaj ges-anoj el Stirio, Tirolo, Vorarlberg kaj la aliaj liglandoj. — S-ano Karl Dürschmid (laborante kun Pastro P. Pio Lenz kaj s-ano Franz Casar) en Klagenfurt transprenis la oficon de konsulo de IKUE por Karintio. Aliaj „IKUE-konsuloj" estas d-ro E. Görlich kaj W. Mudrak (vice-k.) por Vieno, d-ro A. Halbedl, Knittelfeld, por Stirio.

*

En **Germanlando** la ĝenerala kaj katolika E.-movado ĝojige revigliĝas kaj progresas. La Katolika Sekcio de la E.-grupo „Laboro" en München eldonas monatan „cirkuleron por la katol. esp-istoj". — Laboras tie kaj gvidas kurson nune nia kara malnova katol. s-ino Mary Lippert, kiu esp-istiniĝis antaŭ jaroj en kurso de Katol. Unuiĝo de Vieno; i. a. ŝi ludis la rolon de „Esperanto" en tiam kelkfoje prezentita simbola ludo „Kunlaboro" (de W. M.). — Dum la lasta milito ŝi estis en Londono, ankaŭ tie kunlaborante en la E-Klubo.

Okaze de mallonga ĉeesto en sia hejmurbo Vieno dum Sept. t. j. ŝi vizitis la E.-Centron kaj transdonis salutojn al ĉiuj geamikoj.

*

Pastro P. Petrus Pavlicek, franciskano, bonege predikis en la ĉefpreĝejo de Eisenstadt okaze de la 2. Burgenländischen Esperantotag (2a Esperanto-Tago de Burgenland) dimanĉe la 26. 10. 1947.

De Oskar Bauhofer, **Rechenschaft der Demokratie**

Kiel normalaĵo kontraŭ ĉia armita konflikto la neŭtraleco signifis la laŭordigon de la paco super la milito. Ĉia konflikto devis laŭeble resti lokalizita sur sia origina estiĝejo. Oni faris ŝirmaĵojn ĉirkaŭ la militantaj ŝtatoj, por malhelpi la atingon de l'aliaj landoj, al tuta Eŭropo, kaj ĉi tiuj ŝirmaj digoj, ĉi tiuj „defendiloj" estis la deklarita neŭtraleco de la ceteraj ŝtatoj.

La neŭtraleco estis la rimedo, por certigi la pacon de Eŭropo kiam ie sur la eŭropa okazejo konflikto eksplodis kaj likvidiĝis per armiloj. En tiu ĉi mondo de suverenaj ŝtatoj, kiuj nenion rekonis super si, por kiuj ne plu ekzistis ia superŝtata aŭtoritato, mi diru, en tiu eŭropa ŝtataro kaj en tiu eŭropa konscio de la 19. jarcento la neŭtraleco estis la malaplomba, la mizereta, ho, la tamen tre memkomprenebla kaj grandioza efika resto de komuna idealo de l'humanismo. La fenomeno de la neŭtraleco en la 19. jarcento — la praktikita arto de la ŝtatoj kaj ŝtatistoj, ne permesi, esti devigataj militi, kvankam ĉiam ekzistas mil kaŭzoj, motivoj kaj pretekstoj de milito — la neŭtraleco estis la precipitato kaj esprimo de la morala primato de la okcidento, de la tuto super la parto. La neŭtraleco estis efiko, frukto de l'okcidenta konscio kultura, kiu ankoraŭ plektadis neŝireblan ligilon ĉirkaŭ la popoloj en tiu multe mallaŭdata 19. jarcento.

Trad. d-ro Adolf Halbedl.

**La destino de Aŭstrio**

Ĉiam ni devas memori, ke Aŭstrujo havas la destinon, esti lando, kiu tre amike interrilatas kun la aliaj landoj.

La miksiĝo de la sango en ni estas preskaŭ la sama, kia en niaj najbaroj, kia en ĉiuj popoloj de Eŭropo. La pejzaĝo ankaŭ montras al ni ĉi tiun vojon. La historio ĝin instruas al ni kaj nia ekonomio devigas nin, ĝin iri.

El Ignaz Seipel „Nation und Staat", 1916.
Trad. Dr. A. H.

# Austria Esperanto-Instituto

La laborkomitato de la Aŭstria Esperanto-Instituto en siaj kunsidoj je la 8. 10. kaj 12. 11. 1947 akceptis la raporton pri la Institutaj laboroj al la Aŭstria Esperanto-kongreso en Kufstein, diskutis la novan laborprogramon, reelektis la ĝisnunan estraron kaj decidis publikigi la liston de la komitatanoj.

**1. Raporto de la Aŭstria Esperanto-Instituto al la Aŭstria Esperanto-kongreso en Kufstein.**

(Resumita traduko de la originala germanlingva raporto)

La Aŭstria Esperanto-Instituto (AEI) estas laborkomunumo en la kadro de la Aŭstria Esperantista Federacio kaj celas, unuigi la plej bonajn kaj plej aktivajn esperantistojn en akademia forumo, por gvidi la movadon per kompetentaj laboroj lingvaj, literaturaj, pedagogiaj kaj sciencaj.

25 gesamideanoj formas laborkomitaton, kiu regule ĉiun duan merkredon en la monato kunvenas, gvidate de la Instituta direktororo d-ro Grimme, resp.

de lia anstatauanto dir. Menacher. Por specialaj taskoj formiĝis jenaj sekcioj: Lingva sekcio, gvidata de prof. d-ro Sirk, literatura sekcio, gvidata de prof. d-ro Görlich kaj pedagogia sekcio, gvidata de dir. Menacher.

**Rilatoj kun eksterlando:** La AEI ekrilatis kun la similcelaj eksterlandaj Esperanto-institucioj, precipe kun la Esperanto-Akademio en Haag. La plej multaj Esperantoinstitutoj interŝanĝas kun nia la raportojn.

**Gisnunaj laboroj de la laborkomitato:**

a) Lingvaj rezolucioj
pri la formo de la landnomoj en Esperanto, pri la skribo de la komencliteroj en Esperanto, pri superfluaj vortradikoj kaj pri la ĝustaj Esperantoformoj de kelkaj fakesprimoj.

b) Vortaraj laboroj:
vortaro Esperanto-germana, kaj germanlingve redaktita lingvopedagogia verko „Grundsätze des Fremdsprachunterrichtes" (Principoj de la fremdlingva instruado); ambaŭ verkoj jam estas aperigitaj de „Tramondo", Vieno. Autoteknika vortaro estas laŭ iniciato de la fakgazeto „Austro-Motor" kompilita; la publikigo dependas de la nomita gazeto.

c) Literaturaj laboroj:
La literatura sekcio kompilis po unu liston de germanlingvaj verkoj jam tradukitaj en Esperanton kaj ne jam tradukitaj, sed tradukindaj.

**Kursoj:** En la studojaroj 1945/46 kaj 1946/47 la AEI okazigis po unu kurson por komencantoj, progresintoj kaj kandidatoj de la ŝtata instruekzameno.

**Paroladoj:** En la monatoj Januaro ĝis Junio 1947 estis farataj po unu parolado de komitatanoj pri jenaj temoj: Misteroj de la mondhistorio (Dr. Görlich), la stilo en Esperanto (Werner), la virino kaj la internaciaj problemoj (Dr. Flasch), la fortfarado en Esperanto (dir. Menacher) kaj pri la historio de Esperanto en Aŭstrio (Cech).

**Literaturaj konkursoj:** Estis du: Traduko el „Urwaldfrieden" (Praarbara paco) de Rosegger kaj de la nova aŭstria himno. (La juĝo pri la lasttemaj tradukoj estas ankoraŭ ne finita).

Kunlaboro pri la varb- kaj instrugazeto „Die Weltsprache" (La mondlingvo): La komitatanoj Berndl, Dr. Fiala kaj Werner estas komisiitaj, kunlabori en la redaktado de tiu ĉi gazeto, kiu aperas kun la subtitolo „Lingve gvidata de la Austria Esperanto-Instituto".

2. **La laborkomitato de AEI** konsistas nuntempe el jenaj personoj:

Hans Aitzinger, Alfred Berdan (redaktoro de la Aŭstria Esp.-Revuo), Alois Berndl (konata per lia verkista nomo Alois Norbert), Dr. Leo Blaas (Natters ĉe Innsbruck), Raimund Cech (Ĉefdelegito de UEA por Aŭstrio), Frieda Feichtinger, Dr. Josef Fiala, Prof. Dr. Brunhilde Flasch (membro de la ŝtata ekzamenkomisiono pri Esp.), Rud. Mich. Frey, Dr. Maximilian Führing (sekcia konsilisto en la aŭstria instruministerio, estro de la ŝtata ekzamenkomisiono), Josef Geißler (Esp. lektoro ĉe la altlernejo por mondkomerco), prof. Dr. E. J. Görlich, (Esp. lektoro ĉe la altlernejo por agrikultura), Dr. Leopold Grimme (viceprezidanto de AEF, direktoro de AEI), ĉefredaktoro Nikolaus Hovorka, Hugo Kraus, Dir. Franz Menacher, Cäcilia Rußmayer (Salzburg), Ludwig Sager (prezidanto de la Viena Esp.-delegitaro), Alfred Schauhuber, Ludwig Siedl, univ.-prof. Dr. Hugo Sirk (membro de la ŝtata ekzamenkomisiono kaj Esp. lektoro ĉe la Teknika altlernejo), Dir. Franz Watzinger (Villach), Ernst Werner, Luise Ziwutschka kaj Stephan Zodel.

3. **Nova ŝtata ekzamenkomisiono.** Per dekreto de la 26a de Augusto 1947 sinjoro la aŭstria ministro por instruaferoj aprobis pliampleksigitan ekzamenregularon, laŭ kiu la komisionoj por la ĝeneralaj ekzamenoj pri instrukapableco por elementaj kaj „ĉefaj" lernejoj, dislokitaj ĉe la landlernejaj konsilantaroj, povas de nun ekzameni ankaŭ la kapablecon por la instruo de Esperanto en elementaj kaj metiakcelaj lernejoj. Kiel unua komisiono laŭ tiu ĉi nova regularo estas nomitaj la sinjoroj d-ro Leopold Grimme kaj dir. Franz Menacher kiel Esperanto-ekzamenantoj ĉe la urblerneja konsilantaro de Vieno. Aliaj komisionoj en la federaciaj landoj de Aŭstrio estos preparataj, por faciligi al la provincanoj la ekzameniĝon pri Esp.-instrukapableco. La kandidatoj ne bezonas esti abiturientoj. Per tiu ĉi faciligita kondiĉo kaj la limigita valideco la novaj ekzamenoj diferencas de la jam konataj ekzamenoj antaŭ la centra ŝtata komisiono, kiu restas senŝanĝe funkcianta.

4. **Laboralvokoj:**

La AEI serĉas interesitojn-kunlaboremulojn pri jenaj projektoj (laŭ prospektoj lastatempe ricevitaj):

a) „Esperantologio", Esp.-lingvoscienca periodaĵo internacia,
b) kemia fakterminaro
c) gazeto pri spiritismo au metapsikaj aferoj.

5. La AEI akceptas kapablajn kaj kunlaboremajn esperantistojn kiel membrojn aŭ anojn de la laborkomitato, ankaŭ el la aŭstriaj landoj ekster Vieno. Interesitoj turnu sin al la Aŭstria Esperanto-Instituto, Vieno I., Neutorgasse 9.

# *INTERNACIA ESPERANTO-MOVADO*

## La Internacia Esperanto-Semajno en Zaandam

Ekstrakto el la parolado de la aŭstria delegito ĉe la Int. E-Semajno en Zaandam, s-no Emil Vokal, en radio Wien la 21. 10. 1947.

Okaze de la 35 jara datreveno pri la fondiĝo de la Nederlanda E-Societo „Zaandam Antaŭen", mi veturis kiel delegito de la aŭstria E-movado al Zaandam, por ĉeesti la Internacian E-Semajnon inter la 13. kaj 21. 9. 1947.

El 12 landoj venis reprezentantoj. Sur la urbdomo de Zaandam flirtis la Esperantoflago. Dum la oficiala akcepto en la urbdomo de Zaandam transdonis kvarjara aŭstria Esperantistino florojn al la urbestro d-ro V e l d dirante: „Por vi kaj via ŝatata edzino". La urbestro faris la salutparoladon Esperantlingve. Post la akcepto li afable skribis jenajn vortojn en mian vojaĝlibron: „Mi salutas la Vienan loĝantaron. Ni havas grandan simpation por la aŭstrianoj kaj ni esperas, ke Esperanto profundigos la bonajn rilatojn inter Aŭstrio kaj Holando."

La montrita hungara Esperantofilmo „Budapest la reĝino de la Danubo" kaj la aŭstria sonfilmo „Olimpia printempo" rikoltis grandan aplaŭdon kaj rekonon de la ĉeestantoj kaj favorajn kritikojn en la holandaj ĵurnaloj.

Sub la lerta gvidado de s-ano Jan Vis la delegitoj vidis novan prosperan evoluon de Nederlando. La ekskursoj al Amsterdam kaj Rotterdam, tiuj famkonataj mondhavenoj estis grandaj travivaĵoj por ni. La du urbopartojn de Rotterdam interligas 1200 m longa subakva tunelo. La rekonstruado de la detruita parto de tiu ĉi urbo rapide progresas laŭplane. Ankaŭ la boatveturado en Amsterdam restos neforgeseb-

